# Tiel naskiĝis la rado ...

Bild-deliraĵo far Sir

...laŭ studo de angla historiisto de la 20a jarcento, kies nomon mi forgesis. Se iu leganto lin rekonas, tiu skribu al LKK, kiu transsendos. Dankon.

Antaŭ tre, tre, tre, tre, tre longe, vivis praulo, prabesta paŝtisto. Li ja vivis feliĉan vivon... nu... preskaŭ.

Lia nura problemo fontis el arda deziro vekata de blondhara knabineto...

...kiu malbonŝance, jam edziniĝis al la triba ĉefo !

En tiu pratempo longe antaŭ Freŭdo, la klabo ne rolis kiel seksa simbolo...




...sed kiel seks-amindumilo...




Maloportune, tiun tagon, la ĉefo vagadis en la ĉirkaŭaĵo...

...ĉu pro persona karakterizo de aparta batalemo, ĉu pro pre-kapitalisma akuta sento pri posedo...

...la ĉefo emis sentigi sian ĉefecon....

La malgrandaj ĉagrenoj de la ĉiutaga vivo, foje naskas grandiozajn rezultojn...



La KancerKliniko
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

lkk@free.fr

N° 123
Julio/aŭg./sept. 2007

Ĵak Le Puil
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

Abono: 22 €
(ekde 14 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

Pago: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR80 3004 1000
0112 7297 3x02 063
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

Nia memoraĵisto
Laŭrenco Septier
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

Kunlaborantoj

Laŭrenco Septier
Serge Sire
Ĵak Le Puil
Michel Duc Goninaz
Arnau
Manuel de Seabra
Hu Guozhu
Ionel Oneţ
Jack Wright
Kurisu Kei
Gennadij Turkov
Fra Gaeta
Peter Browne
Armela



# Pravis mi!

Ja! Jen la dua numero sub la regno de Sarkozy. Samas la suno, samas la pluvo, samas la kretenoj, samas la aliaj, nur ne tute samas la ferioj de la LKK-presejo, kaj konsekvence tiu ĉi numero ne foriros el Thaumiers antaŭ la fino de aŭgusto! Sed ni ne plendos, se homoj ne deziras labori pli por gajni kelkajn pliajn groŝojn...

Jen la unua kolora kovrilpaĝo de Septier kaj la jam kutima kolora bildrakonto de Sire. Se vi kutime ne tro ŝatas mian Kuracoservon (ja tio povas okazi...), tamen ne malatentu mian tradukon de poemo de Gaston Couté; poste vi eble havos dubojn pri voĉdonadoj! Pluvojaĝu kun Laŭrenco en Ĉinio kaj kantu la Marseljezon kun Michel Duc Goninaz! Sekvu la konsilon de Arnau: "Ĉu tro varme? Nu, ni du, ni nudu...!"

Eĉ se sunegas, trankvile legu la unuan parton de novelego de Manuel de Seabra "La Supervivantoj". Pli kurtaj 'stas la poemoj de Zhang Mi en traduko de Guozhu kaj de George Topârceanu en traduko de Ionel Oneţ. Ni, post pluraj jaroj, retrovas nian usonan kunlaboranton, Jack Wright, dank' al traduko de longa kaj *bukovskieca* (laŭ mi...) poemo de Stefen Dobyns. Iomete da *LKK*-bis antaŭ "La seksmaniulo" de Arnau (ĉu?!). Kurisu Kei proponas al ni "belan sonĝon", kiu ja povas revigi nin. Jen kelkaj legindaj libroj antaŭ la "Aŭtuno" de Basyô eljapanigita de Gennadij Turkov, poemoj de Fra Gaeta, kiu iom koleris pro tajperaro sur la antaŭa kovrilpaĝo (estu: "amstarigita" en la luma land') kaj ŝanĝo de titolo en la antaŭlasta poemo ( anst. "O", devas esti "+ = - - = +")! Fine jen la 3-a ĉapitro de la granda aventurlibro de Peter Browne.

Daŭre ajnista, mi ne dubas ke vi plezure legos kaj legigos tiun ĉi numeron al viaj amikoj, kiuj ankoraŭ ne abonas (ĉu kredeble?!).

Ĝis la venonta kun la Krom.

*Ĵak Le Puil*

## Enhavo

# La Kuracoservo

## *Ĵak Le Puil*

"Tamen mi jam povas veti ke vole-nevole mi redaktos la venontan numeron sub la regno de dekstrul(in)o!" skribis mi antaŭ tri monatoj. Ja gajnis la vira (vera?) dekstrulo kaj perdis la pseŭdomaldekstrulino, kiu, post sia malvenko, cetere deklaris, ke ŝi neniam kredis je siaj promesoj plialtigi la minimuman salajron aŭ plifortigi la 35-horan laborsemajnon! Kaj, por kroni la tuton, nia vera vira vigla prezidanto elektis multnombrajn membrojn de la socialista partio por labori kun li, ĉu kiel ministroj, ĉu kiel konsilantoj! Plie li, kiun multaj maldekstruloj prezentis dum la kampanjo kiel faŝiston/rasiston nomumis arabdevenajn virinojn kaj senegalvirinon je plej altaj postenoj!

Post tiu bona farso mi des pli laŭte ripetos "Ne voĉdonu..." kaj bone ridas, kiam mi legas en *La Ondo de Esperanto*: "Ségolène Royal por Esperanto", laŭ komuniko de la Gazetara Servo de SAT-Amikaro. Kiam esperantistoj komprenos ke politikistoj pretas ĉion kaj ion ajn promesi antaŭ la balotoj, tiam restos al ili tempo por prezenti sian lingvon kaj eventuale instruĭ ĝin al homoj, kiuj ja meritas ĝin (jen bela uzo de "meriti, ĉu ne?!!). Se tiuj samaj esperantistoj emas nek varbi nek instrui, ili tamen povos legi interesajn librojn (kial ne *Vojaĝo ĝis noktofino* de Céline, kiu ĵus ricevis la OSIEK-premion?) kaj zagetojn, kaj aŭskulti bonajn diskojn (vd. la katalogon de Vinilkosmo!), kaj partopreni renkontiĝojn kaj festivalojn, kaj viziti "kulturajn" centrojn, kiuj baraktas por pluvivi, ekzemple kaj tute hazarde elektita "Kvinpetalon", kie ili eĉ foje povos renkonti famulojn, kiel Serge Sire aŭ Michel Duc Goninaz!

Hieraŭ (la 5an de aŭgusto) mi havis la grandan plezuron ĉeesti spektaklon dediĉitan al *Gaston Couté*. Gaston Couté, 1880-1911, kanzonisto, filo de kamparano, komencas kanti kaj diri siajn poemojn en Parizo en 1898. Plejparto de liaj tekstoj denuncas la epokon kaj la egoismon de socio kie "La honoro nestas en la papera kavadrato de bileto de mil frankoj". Li ankaŭ verkas en anarkiistaj gazetoj. Liaj tekstoj grandparte estas verkitaj en regiona dialekto. Hodiaŭ liaj interpretistoj, por esti komprenataj de ĉiuj, francigis ilin je 95%. Jen daŭre aktuala temo: la voĉdonantoj; mi ĝin tradukis unuglute, tuj post la spektaklo, sen rimoj, sed kiel eble plej fidele:

### La voĉdonantoj

Aĥ! Jen afiŝoj sur la pordoj de l' garbejoj!
Ĉu do denove venos foiramuzisto en ĉi dimanĉo,
Kiu dancos sur ŝnuro meze de l' placo?
Ne, tute ne!... Hodiaŭ 'stas baloto en la urbodom'
Kun grandaj vortoj, kiuj flugas sur la dorso de l' vento:
Sindonemo! Komuna bono! Respubliko! Patrioto!...
Jen, la suverena Popolo legas kaj legadas la afiŝojn...

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Iras al la kampoj, nek pli nek malpli ol la aliaj tagoj
Fekante fojfoje sur la afiŝojn de l' vilaĝo.)

La voĉdonantoj iras al la urnoj paradante,
"Ek al!... Iru ni voĉdoni!... Tjfu! La bravuloj!...
'stas ni kiuj nun regas la plugilon,
Kaj irigas ĝin maldekstren aŭ dekstren!
Nenia sindeteno! Viaj ideoj alvokas vin...
Profitu la universalan voĉdonadon!"

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Paŝtiĝas sur la hordeokampoj kaj trankvile manĝas
Sen eĉ pensi, ke ili estas senigitaj je civitanaj rajtoj.)

S-ro Ikso kaj S-ro Ipsilono 'stas kandidatoj.
La voĉdonantoj ne surmetas samajn okulvitrojn:
- Mi voĉdonos por ĉi tiu!... Nu, mi ne voĉdonos por li!...
Li 'stas aĉa fripon'!... 'stas plej honesta ul!...
'stas li oferema!... Kokrito 'stas li!... Ne veras!...
Laŭdire liaj buboj lernas ĉe l' pastroj!...
'stas li blankulo!... 'stas li ruĝulo!... blekas la voĉdonantoj:
Blinduloj disputas pri koloroj.

(daŭrigo paĝo 16)

# Ĉinaj memoraĵoj (5)

***Laŭrenco Septier***

Subite ... ni ekvidis tra la homamaso etan knabinon, kiu rekte venis al ni : jen Meina ! Ĉar post du jaroj ŝi multe ŝanĝiĝis (1), ni hezitis kelkan momenton, sed jes, kompreneble, tiu knabineto nur povis esti "nia" Meina ! Nia ĉina lingvo ne estis tre bona, ni salutis ŝin kaj tuj donacis la koverton kiu iris al Ĉinio du jarojn antaŭe kaj revenis al Francio monatojn poste, "ne petita", en la koverto troviĝis la bildstrio (2). Ŝi malfermis la koverton kaj ekrigaris kun miro la albumon. Aliaj, multaj, homoj rigardis, ankaŭ kun miro, al ŝi, kaj aspektis tre stange tiu homamaso rigardanta al eta knabino mem rigardanta tiun bildstrion, meze de la domegoj. Dum momento ŝajnis, ke tempo ne plu ekzistas, nenia bruo, nura miro, ĉiuj, inkl. ni mem, ne plu povis paroli kaj restis senmove en la korto.

Tiam Meina, daŭre rigardante al la albumo, ekmarŝis kaj diris al ni "venu al mia domo", kaj ni sekvis ŝin.

Ŝi iris al iu el la domegoj, supreniris ŝtuparojn kaj revenis al ni kun la patrino, kiu perkape salutis nin, kaj tiam ni komprenis, ke verŝajne estas iu problemo. Post momento, ni eksciis, ke ŝia avino ne volas, ke fremduloj eniru - kaj tutcerte ŝi timis sian avinon, ŝi diris, ke vere ne eblas, sed samtempe ne volis, ke ni foriru, do ŝi reiris al la apartamento por paroli kun la avino.

Reveninte ŝi diris, ke ni povas veni. Do, kvarope - ambaŭ ni kaj niaj amikoj - iris al "iliaj" apartamento (mi diras "iliaj" ĉar ni ne precize sciis, kiu loĝas tie, verŝajne kune la avino, la gepatroj kaj Meina, tutcerte).

Tie ŝiaj patrino kaj avino (resp. afable kaj iel malafable) proponis al ni, senparole, ke ni sidiĝu sur benko en sufiĉe vasta salono. Tie ĉio estis el bruta betono, la muroj, la planko, sed ankaŭ estis kelkaj lignaj mebloj - nun mi ne kapablas precize diri, ni havis impreson de granda povreco kaj samtempe de granda zorgo.

La "konversacio", se tiel diri, komenciĝis per kelkaj parolaj interŝanĝoj sen vera rezultato - escepte de "ĉu vi bone vojaĝis ?" unuflanke kaj "kiomaĝa vi estas" aliflanke ... sed Meina alportis paperfoliojn kaj ni ekkomencis l' aferon. Dank' al la paperoj ni povis iomete "paroli" sed ni rapide konsciis pri la situacio : ne nur la patrino estis surdmuta sed tre probable l' avino ne scipovis legi. Iomete konfuza kaj komplika la situacio, ĉu ne ?

Meina volis proponi al ni teon, sed la avino absolute rifuzis doni al ŝi la te-skatolon, do unue Meina proponis al ni varman akvon. Kaj eble kortuŝita, ke ni tion trinkis, la avino ĵetis al ŝi paketon da teo; tiam Meina preparis veran teon por la gastoj. Kial tion faris la avino ? Eble ĉar ŝi vidis, ke inter Meina kaj ni estas io iomete pli "simpatia" ol ŝi kredis, eble ĉar ni interŝanĝis trapapere ĉinajn vortojn, kiujn ŝi mem ne povis legi ?

Kaj efektive ŝi mem, iom post iom, alporolis nin, foje ni komprenis, foje ne; tiam Meina skribis kaj al la avino ni respondis parole. Tiu stranga konversacio daŭris longan momenton; tiam la patrino de Meina sendis najbaron por aĉeti ion por trinki kaj manĝi - akcepti fremdulon sen doni al li manĝon kaj trinkon, tio ne penseblas en Ĉinio !

La avino ekparolis al ni pri siaj infanoj, mi nuntempe ne plu memoras precize tion, kion ŝi diris, sed iom post iom la etoso varmiĝis, ni pli kaj pli parolis kaj skribis pri diversaj aferoj, vivo en Ĉinio kaj en Francio, ktp. Tiam ni konsciis, ke ni restis tie longan tempon kaj ekleviĝis por foriri. Ni denove donis nian adreson, promesis reciproke, ke ni skribos leterojn kaj adiaŭis. Mi restis la lasta, kaj ne kuraĝis foriri turnante la dorson al la avino, do mi retropaŝis, salutante ŝin per kunmetitaj manoj laŭ la klasika ĉina maniero, ŝi reciprokis, kun rideto, io iel gaja, iel grava. Tiel mi daŭre retropaŝis en la ŝtuparo dum ŝi rigardis kaj salutis min, tio estis tre stranga, kvazaŭ ne plu ekzistus tempo ... kvazaŭ mi vivus en l' epoko de l' Akvorando !

Kelkajn minutojn poste ni kune kun Anny kaj niaj du amikoj estis sur la strato, kaj mi ne scias kiom da tempo mi silente ploris, marŝante en tiu tiom fora lando, en tiom proksima lando, en tiom fora tempo, en tiom proksima tempo !

*Changde, la 18an de julio 2007*

(1) Lastan fojon mi efektive eraris, pasis du jaroj inter la du vojaĝoj ...
(2) Alia eraro, ne temis pri la "Blua lotuso" de Hergé sed pri "La bebo el fora mondo", memkompreneble de Franquin, kun la Marsupilamio kaj la marsupilamia familio ...



# El la taglibro de nekuracebla (kaj kantanta) optimisto (sekvo)

## *Michel Duc Goninaz*

**Aux armes, et cætera!**

**en julio 2007.** Mi nepre devas korekti eraran informon, kiun mi kulpis en la antaŭa kajero de *LKK*. Mi diris, ke nur *LKK* raportis pri la aŭdigo de la himno de la francaj naciistoj dum esperantista kongreso. Oni ĵus informis min pri mia eraro, havigante al mi la jenan eltiraĵon de revuo multe pli grava ol la ajnisma eldonaĵo de Ĵak Le Puil kaj kompanio : *Metropolo, trimonata revuo de la klubo Lille-Villeneuve-Espéranto, n-ro 39, Julio 2005*. Jen do, kun pardonpeto pro mia apenaŭ pardonebla malatento al tiu tutmonde fama revuo, ekzemplo de nobla prozo, kiu meritas eniri la estontajn antologiojn :

"La memora ceremonio finiĝis per la ludo far la fanfaro de du himnoj : unue, la esperantista *Espero* kaj, poste, la franca *Marseillaise*. Ankaŭ tiuj ambaŭ sonoj vibrigis min pro emocio. Tiu para ludo denove simbolis la kunecon de Esperanto kaj de Bulonjo, aŭ pli ĝenerale Francio : jen la unua fojo, ke mi aŭdis ilin kune. Mi aŭdis kelkajn esperantistojn grumblantajn pro la aŭdo de *La Marseillaise*, ĉar ĝi estus kanto militisma kaj kruela. Mi male kontentas, ke ambaŭ himnoj estis luditaj. Ĉar, unue, ludi *La Marseillaise* en franca oficiala ceremonio estas plej normale ; due, en ambaŭ himnoj kuŝas ia revo pri libereco kaj unuiĝo ; kaj, trie, ni ne forgesu la historian kuntekston de *La Marseillaise*, kiam samnacianoj celis defendi sian patrujon kaj sian liberisman revolucion kontraŭ translimaj regnestroj. Unuvorte, tiu solenaĵo estis digna kaj sukcesa, des pli ke ankaŭ bulonjanoj kaj ĵurnalistoj ĉeestis ĝin."

Unu fakto koincidas kun la iama raporto de *LKK* : la grumblado de iuj partoprenantoj. Ni pri tio ne insistu : homoj, kiuj kapablas nur "grumbli" ne meritas komentojn. Ni rimarku nur, ke la argumento de Ĵak (resume : "ni ja devas tion toleri pro la ĉeesto kaj subteno de oficialuloj") ricevis severan rebaton en tiu artikolo. Minimume unu kongresano ne nur toleris la okazintaĵon, sed ĝin varme aplaŭdis. Kaj mi aŭdacas konjekti, ke li probable ne estis sola kaj ke la kongres-organizantoj ne estis viktimoj de neatendita iniciato de iuj "oficialuloj". La citita artikolo aspektas kiel raporto, eĉ deklaro oficiala (kun kritiko al la grumblintoj), spegulanta la starpunkton de *Metropolo*, eble eĉ de la kongresaj respondeculoj. Kompreneble, mi povas denove erari kaj, se oni montros al mi la eraron, mi nepre pardonpetos en la venonta numero.

La argumentoj de la aŭtoro estas nediskutindaj. Ilian logikecon neniu povas kontesti. La Marseljezo "estus" (subkomprenite : laŭ la opinioj de la malpravaj grumblantoj), do ne "estas" militisma. Pruve : ĝia vera titolo estas "militkanto por la Rejna armeo". Aŭdigi ŝtatajn himnojn en esperantistaj kongresoj estas normale, asertas la ĵurnalisto de *Metropolo*. Des pli, ke, laŭ la diro de la superpatrioto kaj eks-respublikestro Raymond Poincaré (kiu faris ĉion eblan por okazigi la militon en 1914), "la brilegaj tonoj" de la franca himno "parolas **universalan lingvon** [substreko mia, MDG] kaj estas nun komprenataj en la tuta mondo" (espereble vi admiras la brilegan metaforon pri la tonoj, kiuj parolas). La ĉefmurdisto Napoleono la 1-a iom pli objektive taksis, ke la Marseljezo estis dum liaj rabistaj konkeroj "la plej bona generalo".

Nu, mi volonte aliĝus al tiu uzado de himnoj, se ni farus kelkajn modifojn en tiuj patriotaj blekaĉoj, kiuj en la nuna epoko utilas pli por ebriaj futbalmaniuloj kaj karieremaj politikistoj, ol por herooj pretaj perei por la patrujo. Mi volonte partoprenos kongreson de britaj esperantistoj, kondiĉe, ke oni kantu "God bump off the Queen" kaj eĉ kongreson de la germana esperantista asocio, se oni kantos "Deutschland unter aller Würde". Por la franca mi proponas konkurson : kiu verkos esperantlingvan version, indan aperi en *LKK*, tiu gajnos unujaran senpagan abonon. Vi povas helpi vin per la traduko, publikigita de iu Jacques Manceau en 1936 en la fama patriota revuo *Franca Esperantisto* (kia koincido! La historio, kiel sciate, sin ne ripetas, sed ja demence

*(daŭrigo p. 17)*

# KLIMATA KLIMAKSO

ĈU TRO VARME? NU, NI DU, NI NUDU...!

EVIDENTAS JAM, PRO TROA "KONSTRUADO", LA HOMARO ĈION DETRUIS... KAJ KIO EKIS KIEL "SOLVOJ", NUN IĜAS PLIAJ PROBLEMOJ! DO, TEMPO POR APOKALIPSI, TEMPO POR KONSILOJ DE NIA DOKTORO, KIU DE ĈIAM SEN-ESPERAS!

LA TERO EKPANEAS... DEFINITIVE NE PLU GRAVAS ĈU E-O IAM ATINGOS FINAN VENKON, ĈAR FEKEGALAS PER KIU LINGVO HOMOJ ADIAŬOS LA MONDON...

UNUA KONSILO: LAŬEBLE FARU NENION!

SALUTON, MI KREDAS KE NI ESTAS LA SOLAJ PRETERVIVANTOJ EN LA TUTA PLANEDO... ĈU VI ANKAŬ PAROLAS E-ON?

JES! KARA! DO, FINFINE ESPERANTO IĜAS KOMUNIKILO POR LA TUTA MONDO... KAJ NUN?!

PIGRULOJ! VENU KONSTRUI PONTON, ĜI EGE PLIBONIGOS NIAN VIV-NIVELON!

PRATEMPAJ SAĜULOJ SIATEMPE PRIMOKATAJ!

HMM... ĈU SEKSUMI?

MALSOLIDARULOJ! SE IAM ILI TAMEN UZAS NIAN PONTON, ILI NE MIRU SE IU MANO ILIN PUŜAS ABIS-MEN!

KAJ KIAL PONTO? POR KE POST KELKAJ JARMILOJ ONI DEVU NAŬZE KOMIKSI PRI MONDO KUN ĈIASPECAJ PONTOJ (BETONAJ, INTER-RETAJ, SATELITAJ, MONAJ...), SED PONTOJ KIUJ NUR IRIGAS DE IU MERDAĴO AL ALIA...?! SEN PONTOJ ONI BRILE VIVAS, SUFIĈAS ĈIAM SEKVI LA NATURA PLI LONGA VOJO AŬ RESTI SURLOKE NENION FARANTE (AŬ,... BONE,...IOM DA KARESETOJ NENIAM ĜENAS!

STULTULĈJO, SEKSUMANTE NI NE TRO UZUS NIAN LINGVAN TREZORON, MI PROPONAS SAMIDEANE DEBATI PRI ESTONTO DE NIA MOVADO!




TRIA KONSILO: KIAM EVIDENTOS TRO VARMA KLIMATO, KONSOLU VIN PENSANTE KE HOMARO HAVAS AM-RILATON KUN LA TERO, KAJ POST TIOM DA JARMILOJ DE RECIPROKA AMINDUMO, NORMALAS IAM ATINGI VARMAN KLIMAKSON!

JEN, TIU PERVERSETA HOMA RASO... VIDU KIEL RUĜIGAS KAJ ENFAJRIGAS TUTAN PLANEDON. VERE VOLUPTA BILDO!

HO VE! ...IAM LA TERO BLUIS

JEN, KIEL RUĜE KAJ VARMEGE ASPEKTAS PLANEDO MARTO..., CERTE ĈI TIE NI NE HAVOS TIOM DA MALFACILAĴOJ KIEL EN LA TERO, POR SUKCESI RAPIDE IGI ĜIN MALVIVEBLA!

JES, PREZIDAĈJO, JES... ESTOS INFANLUDO ĈI FOJE... MARTO TUJ PEREOS... EĈ NI KUNHAVAS IOM DA ATOMBOMBOJ KIUJ NE HAVIS OKAZON EKSPLODI EN EKSA-TERO...

# La Supervivantoj

## *Manuel de Seabra*

Side ĉirkaŭ la tablo, kun la botelo en la centro kaj la kerosena lampo pendanta de la plafono, super la kapoj. Queralt sin turnis al Carles.

«Nu, ripetu, do.»

Carles ŝultrumis.

«Kion?»

«Ĉion. Ripetu ĉion, kion vi devos fari.»

«Ĉu vere necesas?»

Joan rigardis la pordon de la kuirejo, pensante pri la junulino.

«Jen, Carles...» Queralt apogis la kubutojn sur la tablo kaj etendis la mankavojn. La alia atendis.

«Diru.»

«Kion vi pensas, Joan?» Queralt demandis. Joan deviis la rigardon.

«Kion vi diris?»

Queralt pugnobatis la tablon kaj la vino en la botelo agitiĝis.

«Tamen! Kio okazas hodiaŭ?»

Joan denove ŝultrumis.

«Ne gravas. Al mi tio tute ne interesas. Kion li diris?»

Carles sin turnis al Queralt:

«Kio okazas? Mi ne komprenas. Ĉu ni ne havos tempon, morgaŭ?»

Joan ekridis kaj la alia preskaŭ devis haltigi lin.

«Aĥ! Ĉesu tion.»

«Ĉu oni ne povos daŭrigi morgaŭ?», Carles denove demandis. Queralt pensis, ke li eble ebriiĝis kaj rigardis la botelon oblikve.

Joan prenis cigaredon, komencis frapi ĝin, lante, kontraŭ la polekso kaj denove rigardis la pordon de la kuirejo, kie la junulino moviĝis. *Se oni petus al ŝi alian pecon da kolbaso,* li pensis, *mi povus rosti ĝin sur la kovrilo...* Sed li deviis la okulojn denove al la amiko.

«Tiu ĉi kato pensas ke ni ludas», Queralt diris. «Ĉu vi volas klarigi al li kiel ni kutime laboras?»

Joan balancis la kapon ĉiam rigardante lin. Kaj pensis ke li estis dormema. Eble kun alia peco da kolbaso kaj gluto el la botelo li vekiĝus.

«Rigardu...», li komencis. Sed tuj silentis, pensante ke prefereble oni ne devus paroli pri tio nun. Queralt jam estis teda pro Carles, kiu finfine montriĝis tro impertinenta. Tre diferenca de Jaume. Jaume, jes, estas firma kato. Sed kiel li oni ne renkontas multajn. Sen tiu stulta tavernistino... Joan ja avertis lin. Sed Jaume estis enamiĝinta. Oni povis fari nenion, jen. Joan memoris tiun nokton, kiam li renkontis lin plena da anizlikvoro. Liaj okuloj estis tiom vaporplenaj, ke eĉ la palpebroj ŝajnis tute kovri liajn okulojn.

«Lasu tion, Jaume. Vi devas prepariĝi. La proksiman monaton, ni forvojaĝos kaj vi devas prepariĝi.»

Joan rigardis lin, lia suba lipo falis kaj el ĝi degutis flueto de salivo ĝis la tablo.

«Ŝi iras kun ĉiuj, Joan.» Kaj li komencis singulti.

Tio impresis lin. Neniam antaŭe li vidis Jaume ploranta. Ne plaĉas al li vidi plorantan viron. Ĝis tiu momento, li nur vidis plori tiun maldikan ciganon en la placo de Reus, apud la kadavro de sia patrino, kun la Heinkel supre verŝantaj mitralon. Li prenis la nudan piedon de la maljunulino, ploris, kaj laŭtkriis supren, al la aviadiloj: «Putinidoj! Putinidoj!» La larmoj fluis sur lia vizaĝo kaj eniris lian buŝon, kiu estis kuntirita kaj tre aperta. «Putinidoj!» Tiam unuafoje li vidis plorantan viron. Nun jen Jaume ankaŭ kaj pro junulino. Li ne povis kompreni tion, sed metis manon sur lian ŝultron.

«Lasu tion. Venu kun mi.»

«Ŝi iras kun ĉiuj, Joan», Jaume ripetis, ploreme. «Escepte kun mi. Kun mi ŝi ne iras.»

«Lasu!»

«Ŝi ne iras kun mi. Kaj ŝi ridas. Ŝi ridas kontraŭ mia vizaĝo kaj diras ke ŝi ne iros kun mi.»

«Venu.»

Sed Joan ne sukcesis konvinki lin. Li iris al Queralt kaj informis lin. Queralt furioziĝis kaj iris renkonte de ŝi.

«Jen, Carmencita, kial vi ne iras kun Jaume?»

Ŝi rigardis ilin kaj servis al ili du anizlikvorojn.

«Kion vi volas? Ne plaĉas al mi, via amiko.»

«Aŭskultu. Forgesu tiujn historiojn, ĉu? Vi iras kun ĉiuj, ĉu ne?»

«Nur kun tiuj, kiuj plaĉas al mi.»

«Ne primoku.»

«Mi ĵuras.»

«Kaj pro kia komprenebla kialo Jaume ne plaĉas al vi?»

«Fek! Kiam mi vidas lin kun la tremanta lipo kaj la dolĉa rigardo, mi preskaŭ deziras ĵeti ĉiujn glasojn al lia muzelo.»

«Alian anizlikvoron, Carmencita. Kaj alian ankaŭ al Joan.» La junulino ridetis. «Jen, ĉu vi ne havas *manzanilla*-n? Oh, diable, tio ne povas esti. Vi devas havi *manzanilla*-n. Tiel, kiel ni forigos la saŭdadon pri la patrio? Diru al via mastro, ke li mendu. Aŭ eble mi mem kunportos. Kion vi diras? Jes. La proksiman monaton ni iros. Kompreneble, injo. Kompreneble mi portos. Ĉu via patro estas en Sitges? Ne dankinde. Ni estas samlandanoj kaj samlandanoj devas sin helpi kaj esti amikoj. Ne dubu. Evidente. Kaj, jen, ĉu vi ne povas esti iom afabla kun Jaume? Bona knabo li estas, tre bona. Plaĉos al vi. Ne, ne, kontraŭe, li eĉ estas tre vireska. Se vi vidus lin kun la mitraleto kontraŭ *civiles*, vi tion ne dirus. Sed nun li freneziĝis pri vi kaj ebriiĝas ĉiutage. Oh, bone, injo. Ni ĉiuj estas samlandanoj. Strebu iomete kaj amu mian amikon. Se vi ne povas ami lin per la animo, amu lin per la korpo. Sed amu lin. Vi, virinoj, scias tion fari. Vi havas miljaran praktikon. Bone, tre bone... Vi estas tre simpatia! Bravisime, mi tuj sendos mian amikon. Li tuj venos. Sed ne forgesu, amu lin, eh! Amu lin...»

Sed kiam ili alvenis al la Greka, Jaume ne plu estis tie. Li aperis, la sekvantan tagon, sur la kajo, kun tranĉilo najlita en la renojn. La Sûreté esploris iom, sed oni ne atingis.

eltrovi la krimulon. Kiel kutime. Tamen, ne malfacilis diveni tion, kio eble okazis: ebria kia li estis, li implikiĝis kun maristo aŭ arabo, kiu sendis lin en la landon de la plenumitaj revoj.

Sed tiel la grupo restis malkompleta. Oni estis tri. Ĉiam oni estis tri. Queralt insistis, ke oni ne povus ne esti tri. Du ne sufiĉis por kelkaj laboroj. Kvar trois kaj povus kompliki la aferojn. Sed tri, ne. Tri estas la taŭga nombro. Ĉio estis ĉiam korekta. Kaj Queralt scias kion li faras. Eĉ se oni volus konstraŭstari, oni ne povus. Li ĉiam sukcesis. Pro tio oni devis akcepti lin. Kaj tiam oni renkontis Carles. Carles ŝajnis al ili decida kato. Li estis nur tro babilema, preskaŭ ŝajnis andaluzo.

«Vi povas esti intelektulo», Queralt diris. «Sed vi devas scii kiel fari la aferon, kaj kiam estos la laboro, mi ne volas teoriojn.»

Sabaté rekomendis lin.

«Estas brava ulo», Sabaté diris. «Sendube utilos al vi. Se vi scius kion li faris dum la F.A.I.-a epoko. Tiam li estis fidinda membro de Kataluna Ŝtato. Oni sendis lin kun Gual kaj Vives, kiuj estas nun en Argentino, al Terrassa kaj ambaŭ purigis la urbon. Vi povas kredi, ke li estas firma ulo, fidinda.»

«Bone», Queralt diris. Kaj oni akceptis lin.

Sendube li certe estis firma kato, sed ĉiamaniere, tute ne komparebla al Jaume. Oni laboris kvin jarojn kune kaj oni havis okazon vidi kiel li laboris. Eble Carles ankaŭ estas firma. Sed nun li tro tedis. Joan rigardis Queralt tre fikse:

«Eh, Queralt», Joan flustris, «ĉu vi ne volas iom pli da kolbaso?»

La alia skuis la kapon.

«Ne nun. Unue ni devas konvinki ĉi katon, ke ni scias kion ni faras en la mondo.»

Joan ridetis elreviĝe.

«Bone.» Li turnis sin al Carles. «Vidu, vi...» Sed subite li konsciis, ke li ne scias kion diri.

«Nu!», Queralt insistis. «Mi volas, ke vi mem diru al tiu ĉi kamarado kiel ni laboras.»

«Ni neniam fiaskas!», li diris. «Estas firma principo: ne fiaski. Pro tio oni devas bone atenti ĉiujn detalojn...»

«Mi komprenas,» la alia konsentis. «Sed mi ne vidas kial mi devas ripeti kaj ripeti ĉion, kion li diras. Mi ne estas stulta.»

Queralt koleriĝis.

«Eĉ se vi estus Newton», li kriis.

La junulino aperis ĉe la pordo de la kuirejo. Joan deviis la rigardon al ŝi kaj pensis, ke li profitus la okazon por peti iom pli da kolbaso. Kaj kiam ŝi portus ĝin, li profitus la okazon por pinĉi ŝiajn koksojn denove.

«Eĉ se vi estus Newton, ĉu vi aŭdas? Mi ne volas iri en prizonon pro vi.»

Carles ĉiam rigardis, duonstulte. Joan klakis per la fingroj al la junulino, kiu alproksimiĝis.

«Eĉ se vi estus Newton», Queralt ripetis, furioze.

La junulino pli alproksimiĝis. Joan pasigis la brakon sur la seĝodorso, faris geston ke ŝi apudiĝu pli. Ŝi sendube komprenis, ke oni devus flustri por ne interrompi la aliajn, kaj kliniĝis.

Joan diris al ŝi:

«Portu al mi iom pli da kolbaso.» Samtempe, li palpis al ŝi la gambojn. Poste, li rigardis kaj vidis, ke ŝi eĉ ne ruĝiĝis kaj apartiĝis. La okuloj de Joan akompanis ŝin.

«Oni devas atenti ĉiujn detalojn. Ĉiu devas scii precize kion li devas fari, senhezite», Queralt daŭrigis. «Ĉu vi komprenas?»

Carles forĵetis la cigaredon, kiun li havis inter la lipoj, de longe senfajra.

«Tre bone! Feliĉe vi ĉion komprenis. Oni bezonas multe da tekniko, ĉu vi scias? Multe da tekniko. Pro simpla eraro, iam... Ĉu vi memoras, Joan?»

«Pri kio?»

«Kiam Jaume falis en Montjuïch.»

«Oh!»

«Eraro. Malgranda eraro. Antaŭ tri jaroj, ĉu ne? Jes, antaŭ tri jaroj. Malgranda eraro kaj li devis malapudiĝi. Sed ni vidis kien li iris. Kaj oni tuj antaŭvidis, ke oni kaptus lin kaj tio okazus en Montjuïch, ĉar tie oni povus ĉirkaŭi lin ĉiuflanke. Sed ni neniam forlasas kamaradon. Tiu, kiu laboras kun ni devas esti lojala, ĉar ni ankaŭ estas. Vi povas kredi tion. Ni iris en aŭto kaj descendis malrapide, kiam ni vidis Jaume mankatenita kun du *civiles* ambaŭflanke. Nu, Jaume ĉion tuj komprenis. Pro tio, li sin ĵetis subite teren. Joan sonigis la mitraleton kaj la *civiles* tuj malaperis. Poste estis nur meti lin en la aŭton kaj forveturi. Ni malembarasiĝis. Ni ĉiam malembarasiĝas. Sed tiufoje oni persekutis nin kvazaŭ hundojn kaj oni devis forlasi la aŭton. Ĉio pro eraro. Pro tio ni devas esti tre rigoraj. Simpla eraro povos bugri nin ĉiujn. Eh!»

«Certe», Carles akordiĝis.

«Ĉiu devas scii parkere kion li devas fari kaj kion la aliaj faros. Tiel ne estos surprizoj. Ĉu vi komprenas?»

«Bone.»

«Ni ĉion antaŭvidas.»

Joan ridis kaj pinĉis la gambojn de la junulino kiu venis kun la kolbaso. Poste ŝi apartiĝis rapide. Joan ridetis kaj skuis la kapon, kontente.

Queralt diris:

«Nu, ripetu ĉion.»

Joan tranĉis iom da kolbaso, ĝin metis, zorge, sur la kovrilon kaj surverŝis ĝin per brando. Poste li ekbruligis ĝin. La voĉo de Carles bruis antaŭ li. Joan rigardadis la flamojn, pasigis la langon sur la lipoj kaj ekpensis denove pri la junulino.

2

«Do, vi revenis», Elisenda diris prenante la kafon el la fajro.

«Kiel vi vidas. Ĉu vi ne ĝojas? Diru.»

«Kion vi volas, ke mi diru.»

«Ĉu vi estas aŭ ne kontenta pro mia reveno. Mi ĉiam pensis pri vi dum la tuta tempo.»

Ŝi ridis kaj iris ĝis la ŝranko serĉe de la tasoj. Poste ŝi restis kun la tasoj enmane, rigardanta lin, moke.

«Oh!»

«Kion signifas tiu oh?»

«Ĉu vi supozas, ke mi kredas al tio?»

«Al kio? Al kio mi pensas, ke vi kredas?»

«Ke vi ĉiam pensis pri mi.»

«Estas la vero.»

«Bone. Vi pensis pri mi ĉiufoje kiam vi iris kun alia. Tiam vi memoris la tempon kiam vi kisis min. Poste vi kisis la alian kaj jen...»

Carles sin apogis kontraŭ la seĝo kaj etendis la krurojn.

«Ĉu vi tion kredas?»
«Al kio vi volas, ke mi kredu?»
«Mi ne scias. Sed, ĉu inter ni estis nenio alia?»
«Kion vi volas diri?»
«Ĉu, krom tio, estis nenio pli.»
«Kion vi pensas?»
«Mi ne scias. Ĉiufoje kiam mi pensis pri vi, mi komencas senti ion ene kaj mi tristiĝas.»
«Ne iĝu romantikulo, eh!»
«Mi ne komprenas.»
«Tfju! Kiam vi iĝas sentimentala, vi ĉion malbonigas.»
«Vi pensas, do, ke mi estas bruto?»
«Ne. Sed kiam mi sentimentalas, via esprimo trompas neniun.»
Carles kliniĝis antaŭen kaj rigardis al la kafo.
«Ĉu vi ne havas brandon?»
Ŝi staris apud li.
«Sidiĝu», Carles diris. Kaj li ripetis: «Ĉu vi ne havas brandon?»
«Ne. Li ne trinkas.»
«Li, kiu?»
«Màrius», ŝi respondis.
Carles trinkis gluton da kafo kaj lasis ĝin en la buŝo, englutinte ĝin iom post iom.
«Kiu estas Màrius?»
Elisenda rigardis lin fronte, al la okuloj.
«Mi edziniĝis, ĉu vi ne sciis?»
Li restis momenton senmove. Poste li trinkis alian kafogluton kaj ankaŭ ĝin lasis en la buŝo dum momento.
«Mi edziniĝis. Ĉu vi pensis, ke mi atendus vin?»
Carles glutis la kafon kaj traserĉis la poŝojn. Fine li trovis la tabakon. Li rigardis la cigaredon silente. Ŝi leviĝis kaj donis al li alumetojn.
«Dankon!» Li suĉis longan fumaĵon kaj vidis ĝin eliri tra la nazo.
«Kaj vi? Kion vi faris?», la junulino diris.
«Kion li faras?»
«Li estas komerca reprezentanto.»
«De *gomas?»*
«Ne. Parfumoj, esencoj kaj aliaj aferoj. Li gajnas bone sian vivon. Sed ĉiam vojaĝas.»
«Kie li estas nun?»
«En Léon. Hieraŭ mi ricevis telegramon. Li revenos nur sabate.»
«Vi certe tre mankas lin nokte.»
«Ne. Kial vi diras tion?»
Carles ŝultrumis.
«Mi ne scias! Sed mi devus diri ion ajn, ĉu ne?»
«Certe. Vi devus diri ion ajn.»
«Ĉu vi tre mankas lin nokte? Aŭ ĉu vi havas iun alian por varmigi viajn piedojn kiam li forestas?»
«Jes.»
«Ĉu vi amas lin?»
«Kiun? Màrius aŭ la alian?»
«Kiu estas Marius?»
«La edzo.»
«Ĉu vi amas lin?»
«Ne. Kial mi devus?«
«Mi ne scias. Vi edziniĝis kun li.»
Ŝi ridis.
«Ne estu stulta. Oh, Dio, kiel vi komprenas malmulte pri ĉi aferoj.»

Carles rigardis ŝin, silente. Poste li stariĝis kaj prenis ŝian brakon.
«Ĉu vi havis multajn amantojn?»
«Kelkajn. Unu ĉiufoje.»
«Kiu li estas nun?»
«Lasu. Vi dolorigas min.»
«Antaŭe vi ŝatis kiam mi dolorigis vin.»
«Nun mi havas studenton. Estas dekokjara junulo kiu ankaŭ kisas min...»
Mi vidas, ke vi daŭre ŝatas...»
«Via kulpo.»
«Vi povus perdi la kutimon.»
«Ne estu stulta. Tio estis la sola maniero memori pri vi.»
«Ĉu vi amas lin?»
«Kiun?»
«La studenton.»
«Ne.»
Li brakumis ŝin.
«Ni iru!»
Li ektrenis ŝin.
«Ne!»
«Ni iru», Carles insistis, ĉiam trenante ŝin.
«Ne.»
«Kial ne?»
«Mi amas vin. Pro tio mi ne iros kun vi.»
Carles senpacienciĝis.
«Lasu tiujn historiojn.»
«'stas la vero.»
Carles vangofrapis ŝin kaj ŝi portis la manojn al la vizaĝo. Tiam ŝi ekploris, mallaŭte. Ŝi havis la markon de liaj fingroj sur la maldekstra vango. Li prenis la tason, trinkis la reston de la kafo kaj maĉis ĝin lante.
Post kelke da tempo, ŝi alproksimiĝis kaj brakumis lin el la dorso.
«Ĉu vi bezonas monon?»
«Ne.»
Ŝi kisis lian nukon kaj mordis leĝere lian orelon.
«Vi dolorigas min.»
«Ni iru!»
«Ne», Carles respondis. Li iris al la koridoro, prenis la ĉapelon kaj, sen plia rigardo, malfermis la pordon kaj eliris.

3

Queralt turnis sin al ili kaj maĉis la vortojn.
«Bone.»
«Ĉio en ordo», konkludis Joan.
«Morgaŭ. Je la 9,10 h. La Banko malfermiĝas je la naŭa kaj oni tuj komencas pagi. Je la naŭa ni startas el Colón. Malrapide, je la 9,8 ni estos tie. Ni donos du minutojn pli por la preparado. Je la 9,15 h ĉio devos finiĝi. Ni havos kvin minutojn. Pli ol sufiĉe. Se ni povos ŝpari unu aŭ du minutojn, prefere. Komprenite?»
«Okee», Carles diris.
«Ĉu vi jam scias kien vi iros?»
Joan trinkis la reston de la vermuto.
«Mi iros al la kutima loko. Mia onklino ĉiam ŝatas vidi min.»
Queralt turnis sin al Carles.
«Kaj vi?»
«Mi...?»
«Kie vi restos?»

«Ĉu vi havas iun lokon? Kie vi povos esti du tagojn?»

«Se ne, venu kun mi», Queralt diris. «Mia bofrato estas bona ulo kaj vi povos resti tie.»

«Ne», Carles respondis. «Mi havas amikinon, kiun mi ne vidas de la milito.»

«Ĉu vi iros tien?»

«Certe.»

«Ĉu ŝi estas fraŭlino, via amikino?»

«Ne. ´stas edzino.»

«Demone.»

«Kial?»

«Kaj pri la edzo?»

«Li vojaĝas. Li vendas *gomas.*»

Queralt ridis.

«Mi povas imagi lian surprizon, kiam li vidos la etulon.»

Joan ankaŭ ridis.

«Kiel tiu anekdoto... Ĉu vi memoras?»

«Kiun?»

«Tiu de la kato kiu vojaĝis trajne kun grupo da infanoj...»

«Ne. Sed nun ne interesas anekdotoj. Ĉu vi jam scias kie ni renkontiĝos ĵaŭde?»

«Urquinaona. Antaŭ Maryland.»

«Tre bone. Akorde, Carles?»

«Okee.»

«Ĉu vi volas alian vermuton?»

«Ĉu vi ne havas alian pli decan aĵon?»

«Kion?»

«Brandon, ekzemple.»

Queralt leviĝis, iris al la ŝranko, portis alian botelon kaj metis ĝin sur la tablon.

«Ĉu vi eliros?»

«Jes. Mi portos la pakaĵon al la patro de la junulino.»

«De Carmencita?»

«Jes.»

«Ĝis morgaŭ.»

«Adiaŭ. Nun, ne ebriiĝu. Ni devos havi la kapon malvarma.» Li turnis sin al Carles. «Ĉu vi jam vidis vian amikinon?»

«Certe.»

«Kaj ŝi estis tre kontenta?»

«Ne tro.»

«Do?»

«Ŝi amas min.»

«Do?»

«Do? Ŝi havas edzon kaj dek-okjaran junulon kiam li forestas.»

Joan kaj Queralt ridis.

«Ne kreu problemojn. Prefere vi venu kun mi ĉe mia bofrato», Queralt diris.

«Ne. Mi estos kun ŝi. Kiu portos la paston?»

«Mi». Queralt diris. Kaj li eliris.

Carles restis sola kun Joan. Ili sin interrigardis silente. Joan plenigis ambaŭ glasojn. Carles trinkis silente.

«Li estas granda ulo, tiu Queralt.»

«Li scias fari la aferon.»

«Kiom da ni ricevos, finfine?»

«Dudek procentojn.»

«Kiel?»

«Dudek procentojn, jen.»

«Do, li prenos sesdek procentojn?»

«Ne! Oficiale, ni prenos dudek procentojn, sed fakte estos tridek. Ĉu vi komprenas? Nur oni ne diras la precizan sumon. La partio de Queralt estas en Francio kaj tio ĉi estas maniero trovi monon por la lukto kontraŭ Franco. Ni ĉiam diras, ke ni prenas malpli kaj ke ni donas kvardek procentojn al tiuj uloj, sed fakte la partio ricevas nur dek procentojn. Queralt estas tre ruza. Ĉu vi pensas, ke li ŝatas la respublikanojn? Por li ĉiuj tiuj uloj tute ne gravas. Sed rimarku bone: se li farus ĉi tiujn taskojn sola, private, ĉiuj dirus ke li estas gangstero kaj bandito. Tiel, li donas kelkajn biletojn al la partio kaj ĉiuj konsideras lin tre respektinda persono kiu riskas sian vivon por la libero, por la respubliko, ktp Ĉu li ne estas lerta?»

Carles balancis la kapon, lante.

«Jes. Sendube li estas tre ruza ulo.»

Li prenis la botelon kaj denove plenigis la glasojn.

«Tre lerta, kompreneble!», li ripetis.

«Kaj pri via amikino? Ĉu ŝi ne povos perfidi vin?»

«Ne, se mi kisas ŝin...» kaj li ekridis, finis la brandon unuglute.

«Ĉu vi volas pli?», Joan demandis.

Li gestis jese.

«Sed ne ebriiĝu. Tion Queralt tute ne ŝatas, ebriulon.»

«*Me cago en la leche de Queralt.* Mi laboras kun li, sed mi ne permesas, ke li kontrolu mian vivon.»

Joan pensis dummomente kaj rigardis Carles trinkantan la brandon iom post iom.

«Kiu vi kredas gajnos dimanĉe?», li demandis poste.

«Ne interesas al mi.»

«*Español* estas en la tria loko. ĉu ne?»

«Ŝajnas ke jes.»

«Kaj *Barça* unualoke. Kion faros Kubala dimanĉe? Tion mi ŝatus scii.»

«Post la fiasko de *Real Madrid,* ili estos prudentaj.»

«Jes. Kaj oni fotros nin ĉiamaniere. Estas nedece fari politikon eĉ kun la futbalo.»

«Kion vi volas? Ĉu vi pensas, ke kun la Respubliko estos pli bone?»

«Ne gravas. Ne interesas al mi la Respubliko. Donu al mi pli da trinkaĵo!»

«Vi ebriiĝos, Carles!»

«Mi ne zorgas, jen. Donu la botelon.»

Li etendis la manon sed ne povis preni ĝin. Joan denove plenigis lian glason.

«Mi estas tedita, ĉu vi scias? Ĉagrenita, jen. Do, ĉu vi pensas ke *Español* gajnos?»

«Mi pensas nenion» Joan diris, levante sin por gardi denove la botelon en la ŝranko.

4

Joan rigardis denove Carles, kiu balancis la kapon ebrie.

«Mi foriros», li murmuris.

La alia ne respondis. Eble li ne aŭdis.

«Mi vizitos mian onklinon», li daŭrigis.

Poste Joan fermis la pordon, ŝultrumis kaj descendis la ŝtuparon. Alvenante al la strato, li vokis taksion. Preferindas ne iri metroe. Iu povus ekkoni lin, iu ajn el siaj oldaj amikoj de antaŭ la milito povus aperi.

Li sin etendis sur la malantaŭa sidloko de la taksio kaj ekbruligis cigaredon.

«Straton Petxinan!», li diris al la ŝoforo.

Li rigardis flanken, eligante fumaĵon kiu dolorigis siajn okulojn.

*Jen. Ĉion mi portas. La revuojn por onklino Rosa. La odekolonjon por Purita. Kiel eble estas Purita? Tuta virino, sendube. Kiomaĝa ŝi estas nun? Lasu min pensi, Joan... dek naŭ, ŝajnas. Kaj tre beleta. Ĉiujare oni povas rimarki la transformiĝon. Nun ŝi certe jam koketas kun la junuloj de la Rambla...*

Li ridetis kaj denove rigardis eksteren. La taksio faris la kurbon en tiu momento kaj haltis tuj sekve.

*Jen ni.*

Li altigis la kapon kaj rigardis altan pordon post la trotuaro.

*Precize tie.*

La mano en la poŝo prenis iom ĉifitan bankbileton.

*Mia kapo turniĝas, iom vertiĝe. Mi ne devus trinki tiom. Kaj tiu imbecilo, Carles, restis tie duonebria. Kion pensos Queralt kiam li scios?*

Li estis sur la sojlo, rigardis la supron de la ŝtuparo kaj komencis ascendi. Dumvoje li palpis la poŝojn por kontroli ĉu li lasis ion en la taksio.

*Antaŭ ol ni revenos, oni provos iri denove al la bieno, por revidi la junulinon. La kazo promesas.*

Tiam li batis sur la pordo kun la fingroj. Ene oni aŭdis la bruon de trenitaj seĝoj.

«Tuj!»

Joan ridetis, kontenta. Ili eĉ ne imagis kiu estas tie. Sed poste li pensis, ke ne.

*Kompreneble, Joan, certe ili atendas ke vi aperu. Ĉiujare vi venas, pli malpli en ĉi epoko. Certe oni atendas vin. Bone. Tamen ĉiam estos surprizo.*

La pordo malfermiĝis. Jen Purita. Pli ĉarma ol iam.

*Se ne pro ĉi mia vivo...* li pensis.

«Joan!», ŝi ekkriis. Kaj li brakumis ŝin energie, pelis lin enen kaj fermis la pordon. La vizaĝo de la junulino estis kontraŭ lia kaj li sentis sin komforte tiamaniere. Ĉebruste, li sentis la molan kaj varmetan kontakton de ŝiaj mamoj.

Onklino Rosa jam estis tie. Joan lasis Puritan kaj brakumis ŝin. Sebastià ankaŭ aperis kaj jen plia brakumado. Sebastià estis kvar jaroj pli juna ol li kaj pro tio eskapis la militon. Krome, li estis tute senutila ulo, nur povis fari sian rutinan oficejan laboron en Ultramar Express.

«Do, Sebastià, kio nova?»

«Ĉu vi fartas bone?»

«Tre. Kaj vi?»

«Egale. Sen novaĵoj. Ĉiam egale, la laboro, ĉiutage, nenio pli.»

«Ĉu oni jam plialtigis vian salajron?»

«Jes. Antaŭ ses monatoj. Nun mi ricevas 1.600.»

«Bele», Joan diris sen apartigi siajn okulojn de Purita.

Onklino Rosa metis siajn manojn sur liajn ŝultrojn.

«Mi tre ĝojas vidi vin, Joan. Kiel iras via vivo en Francio?»

Purita rigardis lin, enŝorcite. Joan ĉiam supozis, ke ŝi vidis en li specon de heroo, kun mistera aŭreolo. Tio donis al li sensacon de forto kaj trankvilo, kiu plaĉis al li.

«Mi portas kelkajn aĵojn», li diris. «Kelkajn revuojn. Parfumon por Purita...»

*Nun vi ruĝiĝis,* li pensis. *Tfju. Ne interesas. Sed la junulino de la bieno, jes. Mi devos reveni.*

«Mi estas tre kontenta, ke vi revenis, Joan», onklino Rosa ripetis. «Por dementi ĉion.»

Li sidiĝis kaj etendis la cigaredpakaĵon al Sebastià. Li prenis unu, dividis ĝin en du duonoj kaj komencis fumi unu el la partoj.

«Kaj pri la aferoj tie ĉi?», Joan demandis.

«Uf! Ni vivas. Malrapide.»

«Kaj Purita? Kiam ŝi edziniĝos?»

Onklino Rosa ridis kaj la junulino iĝis tre ruĝa.

«Mi ne scias kial vi tiel ruĝiĝas», Joan diris. Kaj Purita ruĝiĝis eĉ pli. Poste Joan ridis kaj denove demandis: «Ĉu ankoraŭ neniu enamiĝis?»

«Uf!», eksklamis Purita.

«Nu, kio okazis?», Joan demandis.

«Oni terure klaĉas pri via vivo en Francio. Vi eĉ ne povas imagi. Ĝis tia punkto, ke eĉ la polico jam venis tien ĉi...»

Joan leviĝis rapide kaj simule palpis la malantaŭan poŝon, kie li havis la revolveron.

*Jen,* li pensis. *Eble iu rimarkis, ke miaj jaraj vizitoj ĉiam koincidas kun priŝteloj en bankoj. Poste oni iom esploris en Francio kaj oni sciis pri kiuj estas miaj kompanoj. Oni vidis, sendube, ke mi ne laboras sed ĉiam havas monon. Kaj, ke ĉiufoje kiam mi venas el Hispanio, mi iras bone remburita. Jen, devas esti tio.*

Li marŝis ĝis la fenestro kaj leĝere apartigis la kurtenon.

*Tial la polico devas gvati la domon. Oni certe atendas, ke mi denove aperu. Mi devas forvaporiĝi. Tiu ulo sur la strato ŝajnas al mi tre suspektenda. Jes, sendube, prefere mi tuj foriru.*

«Ili eĉ diris, ke vi ne havas pasporton», li aŭdis la voĉon de la onklino dirante. «Sed vi havas pasporton, ĉu ne?»

*Mi devas foriri kaj averti Queralt,* li pensis. *Sed kiamaniere? Mi ne povas lasi ilin tiel subite kaj forkuri.*

«Kompreneble. Ili estas stultaj», li respondis.

«Bone.»

«Kio bone?»

«Tio. Vi havas pasporton, ĉu ne?»

«Certe», li ripetis. «Certe mi havas pasporton.»

Li rigardis Puritan, kiu malŝtopis unu el la parfumboteletoj. Sebastià rigardis lin petole.

«Kiu vi pensas venkos dimanĉe? *Español* aŭ *Barça?*», Joan demandis.

«*Barça* venkos!», Sebastià respondis entuziasme. «Mi jam vetis. La ĉampionato estos nia.»

«Estos tro da bruo!». Joan komentis. «Kun tiuj kastilianoj...»

«Jes, estos malfacile.»

«Sed ni gajnos. Mi ankaŭ vetos. Ĉu estas vetejo proksime?»

«Ĉe la angulo, en la baro», Sebastià diris.

«Estas tre bona ĉi parfumo, ĉu vi scias, Joan?»

Li ridetis kaj rigardis la kuzineton.

«Por vi, mi devus porti la plej ebriigan parfumon el Francio!»

«Mi ne scias kiel danki.»

«Mi iras al la baro veti», Joan murmuris.

Onklino Rosa kontraŭstaris.

«Lasu tion. Poste vi faros. Nun rakontu al mi aĵojn. Pri kio vi nun laboras?»

«Falsa mono!», li respondis. Ĉiuj ridis.

«Precize pro viaj ŝercoj oni klaĉas pri vi.»

«Finfine, mi iros al la baro», Joan aldonis.

«Mi akompanos vin», Sebastià diris.

«Ne. Mi preferas iri sola. Estas olda superstiĉo. Mi ĉiam vetas sole.»

Sebastià ŝultrumis.

«Kiel vi volos.»

Joan malfermis la pordon.

«Mi tuj venos!»

«Ne prokrastiĝu», onklino Rosa diris. Joan komencis descendi la ŝtuparon. Li portis denove la manon al la malantaŭa poŝo kaj sentis la revolveron. Li prenis la armilon kaj ĝin metis en la jaka poŝo.

Kiam li alvenis al la strato, li haltis kaj rigardis la viron kiun li vidis el la fenestro. Li jam ne solis. Du aliaj akompanis lin. Pro ilia peza aspekto kaj la brutalaj vizaĝoj, Joan tuj vidis pri kiuj temis. Poste ĉio okazis tre rapide sen tempo por pensi. La revolvero de Joan eliris el la poŝo sed antaŭ ol li povis pafi, kelkaj kugloj atingis lin kaj li falis sur la trotuaro.

«Al la gamboj!». Joan aŭdis unu el la viroj krianta. «Li devos kanti!»

Joan kuŝis sur la trotuaro kaj ridetis. Li rigardis supren kaj vidis Puritan ĉe la fenestro, kun tre grandaj okuloj. Poste li levis la revolveron kaj pafis. Li vidis, ke unu el la viroj falis. Sed alia kuglo venis, kiu truigis lian bruston. Sed li ĉiam ridetis.

(daŭrigota)

---

* ***Zhang Mi*** (? - ?)

# POSTSEKVI

--- Laŭ Melodio Huanxisha (Silk-lava Rojo)

Sekvante post ŝia kaleŝo en urbon vespere.
Zefiro eklevis broditan kurtenon leĝere.
Ŝi ĵetis ĉarman okulumon, ridetis tenere.

Sen ŝanco por sendi informon al ŝi. Kion fari?
Ŝajnigi sin iom ebria postsekvi prefere.
"Fi al vi!" koketa riproĉo aŭdiĝis modere.

--- *elĉinigis **Guozhu**, Ilustris **He Youzhi***

*Mankas indiko pri vivjaroj de Zhang Mi, kiu funkciis en la Suda Tang-dinastio (937-960 p.K.)



# Leteroj

Estimata Redaktoro kaj Amiko,

... Alia rakonto pro via amuziĝo: je 1997, jaro de la Kongreso de UEA en Adelajdo, Aŭtralio, kiun mi ĉeestis, mi notis en la programo la rubrikon "LKK". Kompreneble, mi hastis tien. Sed, imagu mian hororon, kiam mi eksciis, ke tio nur prezentis la paperon "La-Kongreso-Kuriero"!

Mi volas saluti vin kaj la diversulojn, kiuj ebligas la daŭrecon de la revuo. (NDLR: Diversuloj ŝveligu la bruston!).

***Jack Wright***

Vojaĝojn de Peter Browne mi legas kun plezuro, sed unu kolumno por A4 estas ne tre oportune. Kial ne per du kolumnoj?

***Gennadij Turkov***

*(Pravas vi! Ekde nun vi havos do ankoraŭ pli da plezuro...)*

---

## *George TOPÂRCEANU (1886-1937)*

**(La populara rumana poeto George Topârceanu mortis antaŭ 70 jaroj; li famiĝis pro siaj humuraj, ironiaj – ĝis sarkasmaj – verkoj).**

# Kvar Kvarversoj

"Mi neniam amos plue",
Diris mia kor' naiva.
Sed vidinte vin refoje
Ĝi fariĝis recidiva.

Ĉagreniĝo pro la amo
Estas kiel pluv' somera:
Tre rapida, tro rapida –
Estas ĝi nur efemera.

Antaŭ via domo ridis
Al mi floroj el ĝardeno.
Sed la floro la plej dolĉa
Restis malantaŭ kurteno.

Mia kara, sen paroloj,
Per rigard' ĉion komprenas:
Se al ŝi mi nur rigardas
Ŝi respondas: Ne konvenas!

*El la rumana tradukis*

***Ionel Oneț***

# Kegloludantoj Anonimaj

***Stephen Dobyns***
***trad. Jack Wright***

Alvenas la virino kiu portas plastan kacon
ŝnurhokitan ĉirkaŭ sia talio, jen la viro
kiu metas knabinkalsoneton vertĉape sur sian kapon,
la kokinmolestanto, la sinjorino kiu ŝatas Danhundojn,
la knabo kiu ŝatas ŝafojn, tiu maljunulo kiu ŝatas
rigardi meleagrojn dancantajn sur varmega forno,
la biciklo-selo-snufanto, akrido-maĉanto,
la banujo-bobelo-mordanto – ĉiuj kunvenas
ĉiunokte meznokte kaj, ho nu, ili kegloludas.
De meznokto ĝis ses ili venĝas sin kontraŭ la kegloj
dum ili diskutas siajn malfortaĵetojn kun geamikoj.
Mi penas malpliigi tion, diras la virino kiu mordetas
la vostojn de musoj. Mi forĵetis la fajrilon *Zippo*,
diras la viro kiu enmetas alumetojn inter la piedfingrojn de homoj.
Ekzistas nenio, kio ne povas iĝi plezuro
se oni permesas ĝin, kaj do ili kegloludas. Ili pensas
pri tiu strange bonaspekta vizaĝo de la Germana Ŝafhundo
kaj ili kegloludas. Iliaj manoj tremetas je la penso
de enŝovado de siaj fingroj en aŭto-pordon
kaj ili kegloludas. Jen la herooj, jen
nutrovaristoj kaj instruistoj kaj leterportistoj kaj tubistoj.
Ili alportas fotetojn de si mem kaj glubendon
kaj fiksas siajn fotojn al la kegloj kaj ili kegloludas.
Ili enfokusigas siajn vizaĝojn ĉe la fino de la keglejo
kaj ili kegloludas. Ili vidas la malsaton en siaj okuloj,
la tordon de anticipo sur siaj lipoj, kaj ho
ili kegloludas – kegloludas por memori, kegloludas por forgesi,
dum la kegloj kun iliaj propraj kontuzitaj vizaĝoj eksplodas
de meznokto ĝis ses. Dume en ĉi tiuj eksplodoj
de ligno, kie ĉiu keglo priskribas precizan arkon,
ili festenigas tiujn momentojn kiam la mondo aperas ĉesi
kaj ĉio konspiras por puŝi iun ajn efemeran
belecon – maturiĝantan persikon aŭ florantan rozon –
al la strangega rando de perfekteco, kie ĝi flamas,
flagretas, paliĝas, kaj neniam perfektas denove.



**La voĉdonantoj** (sekvo)

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Prifajfas ĉu l' gardisto nomiĝas Paŭlo aŭ Petro,
Ĉu li estas nigra kiel talpo aŭ rufa kiel karoto
Ili muĝas, beas, klukas samkiel la homoj kiuj voĉdonas
Sed ne scias bleki: "Vivu S-ro urbestro!")

Jen iu 'stas elektita!... La voĉdonantoj iras trinki
Iuj kiel dum nuptofesto, aliuj kiel post entombigo,
Kaj en vesper', la suverena Popolo foriras ŝanceliĝante...
'stas vento! 'stas vento kiu faligas la pirojn!

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Manĝadas herbon kaj grenon ĉiutage de l' semajno
Kaj ili ne ŝanceliĝas ĉar la stomako ja plenas.)

La balotoj 'stas finitaj, oni povas diri
Ke post prisemado oni nun atendas la rikolton...
Nepras nun ke l' voĉdonantoj elfosu groŝojn
Por transdoni al la impostkolektisto de l' kantono;
La rojoj iros perdiĝi en la riverojn de l' Buĝeto
Kie la ruzuloj fiŝas, kie navigas la moŝtuloj.
La voĉdonantoj servutas, dispecigas ŝtonojn
Por la vojoj kie iliaj reprezentantoj pasas en karosoj
Kun ĉevaloj kiuj ĝue – aĉaj bestoj! –
Fekas kaj fekadas, dum ade la suverena popolo balaas...

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Rezigne donas siajn ovojn, sian lanon kaj sian lakton
Samkiel ili partoprenintus la baloton.)

Bum!... Jen la milit'!... Jen tamburoj alvokas al sturmo...
Portante flagojn, la voĉdonantoj kun iliaj knaboj
Iras treti la tritikkampojn kiujn ili ne rikoltos.
- Pafu! – iu diras – Kaj ili pafas! – Antaŭen! –
Kaj tiom, kiom ili povas, ili marŝas, marŝas, marŝas...
... Kanonegoj vomas tion, kion ili englutis,
Kugloj falas kiel prunoj, kiam la vento skuas la prunarbojn
La mortintoj amasiĝas kaj, sub ili, sango fluas kiel vino
Samkiel kvar fortaj manoj premas la ŝraŭbon de vinpremilo
Jen paŝteco!... Jen paŝteco de suverena Popolo!

(La bovinoj, ŝafoj,
Anseroj, meleagroj
Por la konto de l' farmisto lasas sin buĉi
Tutsimple, ho di'!... sen tamburo nek flago.)

... Jen do!... Tamen foje bestoj ne rezignas!
Okazas ke l' taŭro kornovundas la ulon de l' buĉejo...
Sed la kompatindaj voĉdonantoj ne 'stas ajnaj bestoj
Kiam minacas fulmotondro kaj la vento blovegas...

Ili voĉdonas!...

# LKK-bis

## Komunikoj

**10a Internacia Fotokonkurso**

"La Ondo de Esperanto" invitas al partopreno en la deka Internacia Fotokonkurso. Oni rajtas partopreni per maksimume kvin fotoj. Minimuma formato: 15×20 cm. Fotoj senditaj elektronike ne estas akceptataj.
La fotoj sendu al Halina Gorecka (RU-236039 Kaliningrad, ab. ja. 1205, Ruslando). Antaŭ la 1a dec. 2007. Ili devas esti subskribitaj per pseŭdonimo. En aparta koverto estu slipo kun la pseŭdonimo, vera nomo, poŝta kaj retadreso de la aŭtoro. Juĝkomisiono aljuĝos premiojn al la laŭreatoj:
1. 50 € kaj abono de "La Ondo" en 2008.
2. 25 € kaj abono de "La Ondo" en 2008.
3. abono de "La Ondo" en 2008.
Speciala premio (50 € kaj abono de "La Ondo") por la plej bona foto pri la temo Festoj. La rezulto estos anoncita en "La Ondo". Legu pli pri niaj Fotokonkursoj http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-fk.htm

**Sss - "Senpage seminariumu septembre" en Pisa**

Ĉi-jare la 74a Itala Kongreso de Esperanto (Pisa, 1a-5a de septembro 2007) prezentos tute novan vizaĝon. Klerigaj programoj gvidataj de: Katalin Kovats (lingvaj kursoj), Paul Gubbins (moderna didaktiko), Mauro Nervi, Baldur Ragnarsson, Spomenka Ŝtimec.
Krome, eblos partopreni en informadika laboratorio.
Ankaŭ la arta programaro vespera estos altnivela, kun subĉiela inaŭguro en la apuda ĉemara Marina di Pisa, pivotanta ĉirkaŭ kanzonaro de Fabrizio de André.
4.Ret-adreso: http://tinyurl.com/yw55jz
- La kongresa kotizo estas modera: ĉirkaŭ 50 € (de 25 ĝis 80 laŭ la cirkonstancoj); kotizoj kaj aliĝilo: http://tinyurl.com/2lhz4m Ni tutkore atendas vin en Pisa.
Ranieri Clerici ranieri.clerici@tin.it +39 333 255 19 04

## Gazetoj

**La Gazeto**, numero 131, en kiu vi ekscios kial ekde nun la kompleta adreso de ĉi gazeto estas "12 Sous la Ville (Hej! EDZ, laŭ mia scio oni ne devas meti komon post la numero de la strato!) 55210 Creuë". Kaj ĉio tio pro la komputiloj! Unuavide tio ankoraŭ ne validas en Thaumiers, kaj mi memoras ke antaŭ kelkaj jaroj ni ricevis leteron kun la jena adreso: "La KancerKlin, 18210". Ankaŭ alven(a)is leteroj kun: "La KancerKliniko, Les Coches aux rats (La ratkaleŝoj), – kiu pli-malpli prononciĝas kiel "Les Cocherats", (nomo de la rojo kiu laŭiras nian domon), 18210 Thaumiers"...

**Kontakto**, numero 218. "Liberecana vojaĝo al liberecana centro", de Jean-Marc Leclercq (Jomo). Vojaĝo, kiu kondukis nian faman kantiston al Gulaj-Pole – urbo en Ukrainio, en kiu naskiĝis kaj aktivis fama anarkiisto Nestor Maĥno. "Por ĉiu irakano, kiu mortas per bomboj, naskiĝas kelkoblo da teroristoj" de Etsuo Miyoshi, ktp. Nepre leginda numero!

**Kataluna esperantisto**, aprilo-junio, reliefigas ke en la pasinta numero de *LKK* kunlaboris kvar KEA-anoj: Karles Berga, Manuel de Seabra, Guillem Portel kaj Arnau. Mi konfesas, ke tion mi ne rimarkintis, sed dankas pro l' reklamo!

**La Ondo de Esperanto**, junio. "Kiel la anĝela *po* povas helpi vin por ricevi dolarojn, manĝi pomojn kaj eble ĉesigi la fumadon" de Michel Duc Goninaz, montras, ke tri paĝoj sufiĉas por fari tiun "diabla(n) vorto(n)" (Cherpillod) anĝelo!

**Sennaciulo**, junio. "La nova islamofobio" de Djémil Kessous, kiu bedaŭrinde komparas la karikaturojn kiuj aperis en Jyllands-Posten en 2005 kun la antisemitaj karikaturoj, kiuj abundis antaŭ kaj dum la dua mondmilito... "Japanio vidita tra la sufero", teksto de Charles Perez en traduko de Cirilo, kie oni povas familiariĝi kun mangaoj.

**Norda gazeto**, aprilo/junio, kie oni ekscias, ke en la inaŭguro de la placo Zamenhof en Bulonjo, la 2an de junio, "la ĉeestantaro aŭskultis la du himnojn Esperantan kaj francan." Tial nia amiko Michel Duc Goninaz ne bezonos atendi la komunan kongreson de UFE kaj SAT-Amikaro en 2008 por elverŝi sian galon!

Ni ĵus eksciis ke en Bulgario OSIEK-konferenco atribuis al Armela kaj mi la premion por nia traduklaboro **Vojaĝo ĝis noktofino.**

Ni ĝojas kompreneble, kaj esperas, ke Ulrich Becker, nia eldonisto sukcesos vendi kelkajn pliajn librojn dank' al tiu premio.

*(sekvo de "El la taglibro")*

papagas). Sed vi devos ĝin plibonigi, ĉar verdire tiu traduko estas malfidela : anstataŭ la alvoko trinkigi niajn sulkojn per la malpura sango de la translimaj malamikoj, troveblas la pala instigo

Tuj sen atend'
Ni marŝu al patruja la defend' !

en kiu mankas iomo da sango, precipe da malpura.

Oni krome informis min, ke denove okazos komuna kongreso de UFE kaj SAT-Amikaro en la venonta jaro. Ĉu la membroj de SAT-Amikaro, kiuj estas ne "francaj", sed franclingvaj, denove toleros la aŭdadon de la himno de Sarkozy-Ségolène Royal-Le Pen-Chevènement kaj Metropolo dum esperantista kongreso, pretekste, ke ĝi okazos en "Francio" (fakte, en Provenco, se mi estas bone informita)?

Iu najbara regno havas problemon kun sia himno. La hispanaj regantoj rimarkis, ke la Reĝa marŝo, kiu ludas tiun rolon, estas senvorta. Kompreneble, ili dezirus esti same normalaj, kiel ĉiuj aliaj ŝtatoj, t.e. havi himnon kanteblan — precipe por la futbalistoj. Iliaj modestaj najbaroj, la portugaloj, ja havas belan himnon, tre similan al la ebriula blekaĉo de la francaj patriotoj : Ás armas! Ás armas! ("Al la armiloj! Por la patruj' batalu ni sur ter' kaj mar'!"). Kaj ili, malfeliĉaj hispanoj, ne havas. Ĵus okazis pri tiu temo tutlanda debato, kies konkludo estis, ke la hispanoj ne interkonsentos pri komuna himno, ĉar ili ne rigardas sin nacio. Sed tio estas facile aranĝebla. Ili imitu Francion, t.e. ili ŝajnigu, ke ili estas nacio. Mito ja povas anstataŭi realon — ĝi eĉ devas, se oni volas, ke la nunaj regnoj plu ekzistadu. La hispanaj patriotoj ja povus elfosi iun militistan kanton de iu pasinta jarcento (kial ne, ekzemple, batalkanto el la tempo de militado kontraŭ la francaj invadintoj?) kaj deklari, ke ĝi validas kiel simbolo por la nuno kaj eĉ la eterneco.

Ĵus revenis al mia memoro, ke unu fojon mi aŭdis ŝtatan himnon en esperantista kongreso. Kiel gasto en alilanda aranĝo, mi eĉ ne povis grumbli. Mi devis kontentiĝi per enmensa silenta malbeno ("Krevu tiu ŝtato!"). Tio okazis en 1987 kaj la himno estis la Jugoslavia. Tio estu averto.

LA SEKSMANIULO

ŜI MALSEKAS...

ŜI BELEGAS...

SERĈU ALIAN SPEGULON... MI PLU STRIKAS!

ŜI ESTAS TRE ALLOGA, PLENPOVA, AMINDA KAJ FIKINDA!

ŜI ENORMAS...

KION?! NE KONGRUAS BILDOJ KUN TEKSTOJ? DO, TAMEN JES, ĈAR MI NE PAROLAS PRI LA VIRINO... SED PRI ŜIA PIĈO... KAJ ĈIO VERAS!

LEGANTO, NE ŜOKIĜU, LA TITOLO DE ĈI-KOMIKSO JAM AVERTIS VIN... TEMAS PRI SEKSMANIULO!

REDAMNE! NENIEL EBLAS PENTRI IUN SERIOZAN MEMPORTRETON... DAŬRE APERAS ĈI KLAŬNA LONGHARULO!

OOOOOO

FAKTE, KIU KREAS KIUN?

LA KREITA KREANTA KREISTO (NEKREDEBLE KREEMA)

# Bela songô

***KURISU Kei***

Antaŭ nelonge japana esperantisto nomata NAKAI Tuneo (li mem skribas esp- kaj eŭropmaniere Cuneo Nakai) levis problemon de reputacio en Esperantujo. Li nome esprimis sian deziron, ke pluraj eminentuloj en Japana Esp-ujo rekte aŭ letere kontaktu plurajn japanajn super-eminentulojn ekster Esp-ujo kaj klarigu, ke Esp-o estas jam vivanta lingvo fukcianta plene kiel naciaj lingvoj kaj ke ĝi estas ellernebla multe pli facile ol ili, tiel ke tiuj supereminentuloj povu fojfoje eldiri ion favoran pri Esp-o. Ĉar laŭ li tio multe kontribuos al bona diskoniĝo de Esp-o pro ilia supereminenteco.

Naiva ideo. Certe. Mi do ne plenumos lian deziron tiu-rilatan, ĉar la japanaj supereminentuloj, kiujn li nomis, miaopinie havas nenion komunan kun afero kiel Esperanto. Aliflanke ĝi min ne nur interesis sed eĉ obsedis des pli, ke li menciis min inter tiuj pluraj japanaj esp-eminentuloj kaj mi aspiras esti supereminentulo mondskala por la bono de Esp-o. Kiamaniere? Nu, jen. En mia eseo, kiun mi verkis en 1996 laŭmende de KAVA-PECH, la ĉeĥa eldonejo, titolita "Kion donis al mi la ĉeĥa literaturo", kiu cetere ne nur estis tiujare ĉeĥigita sed ankaŭ poste ĉinigita, mi skribis i.a.: "Mi nun estas jam 85-jara kaj devas vole nevole konscii, ke mi devas post nelonge adiaŭi la mondon. Mi do decidis verki mian aŭtobiografion, por ke mi povu spirite vivi eĉ post mia korpa morto. Kaj eksperimente mi verkas ĝin en Esp-o, ne en mia denaska lingvo japana, antaŭ ĉio por pruvi per konkreta ekzemplo, ke Esp-o estas jam vivanta lingvo plene taŭga ankaŭ por literatura esprimado.

Se mia aŭtobiografio estus inda kaj Esp-o estus jam vere vivanta lingvo plene taŭga ankaŭ por literatura esprimado, kiel mi kredas kaj asertas, ĝi estos certe tradukita el Esp-o en plurajn lingvojn, ĝis tio fine reeĥos en Japanio, tiel ke aperos ankaŭ en Japanio eldonejo preta eldoni ĝian japanan version, kiun mi mem pretigos. Ĝis tiam mi pacience atendos, kompreneble se mi feliĉe ankoraŭ vivos. Tiel estu!

De tiam jam forpasis eĉ 11 jaroj kaj mi jam 96-jara feliĉe ankoraŭ vivas, sed pro diversaj kaŭzoj, ĉefe pro tio, ke mi intertempe suferis ne nur stomakan ulceron sed ankaŭ altan sangopremon, kio devigis min transloĝiĝi en maljunulejon, mi ankoraŭ ne finverkis en Esp-o mian aŭtobiografion. Ankaŭ la timo, ke mi ne facile trovos eldonejon pretan eldoni mian aŭtobiografion, psike bremsis tion.

Sed lastatempe ekŝajnis al mi, ke tiurilata timo foriĝis kaj ekestiĝis espero ke tiu bela songô mia fine realiĝos. Nome antaŭ nelonge mi verkis eseon-rakonton por la projekto de Mondial, eldonejo en Novjorko, "Viv-Protokoloj" kaj sendis ĝian manu-skripton al ĝi rete kaj Ulrich Becker, kiu ĉefas ĝin, rete respondis al mi, ke li ĝin tralegis kun granda entuziasmo kaj ke li ĝin tre ŝatas. Kaj eksciinte, ke mi verkas en Esp-o mian aŭtobiografion, li skribis al mi rete, ke mi sendu ĝian manuskripton, kiam ĝi estos finverkita. Mi do estas preskaŭ certa, ke ankaŭ mia aŭtobiografio, kiun mi titolas "Romano de mia vivo" kun la aŭtobiografio de H.C. Andersen "Fabelo de mia vivo" kiel modelo, eldoniĝos ĉe Mondial.

Mi estas konvinkita, ke ĝi estos nepre tradukita en plurajn lingvojn, kiel mi skribis jam en 1996 en "Kion donis al mi la ĉeĥa literaturo" pro sia interesa kaj alloga enhavo. Pro ĝia intereso verŝajne garantias la diro de Ulrich Lins, la aŭtoro de la monumenta verko "La danĝera lingvo", ke mia aŭtobiografio nepre interesos precipe eŭropajn kaj eŭropidajn intelektulojn jam pro tio, ke mi estas persono malofte trovebla, kiu restas disidento ankoraŭ post liberiĝo de komunismaj dogmoj, ĉar multaj ekskomunistoj ĉesis esti disidentoj kaj transformiĝis en subtenantojn de la kapitalista reĝimo.

"Pri la allogeco de mia aŭtobiografio garantias verŝajne diro de Spomenka Ŝtimec, kroata talenta verkistino, kiu insiste verkas en Esp-o malgraŭ ke ŝi facile povus fariĝi kroata profesia verkistino, nur se ŝi volus, ke mia aŭtobiografieto, kiun mi sendis al ŝi por publikigo en "Tempo", la organo de Kroata Esperanto-Ligo, kiun ŝi redaktas, ke ĝi legiĝas kvazaŭ detektivaĵo.

Certe oni kandidatigis William Auld-on por laŭreato de Nobel-Premio por literaturo ĉefe por fari el li mondskalan supereminentulon, ĉar se li ricevus tiun Premion, la tutmonda amaskomunikilaro nepre grandlitere kaj laŭte infomus tion, tiel ke Esperanto unusalte diskoniĝus tra la mondo kiel vivanta lingvo plene taŭga ankaŭ por literaturo kaj krome ellernebla multoble pli facile ol naciaj lingvoj.

Bedaŭrinde tio ne realiĝis. Mi ne estas eminenta en Esp-ujo kiel Auld, sed mi kuraĝas provi atingi, kion li ne povis dum li vivis. Vana revo, eĉ ĥimero. Povus esti.

En sia verko "Duvoĉa biografio ? Fidel Castro", Ignacio Ramonet, la hispandevena direktoro de "Le Monde Diplomatique", la prestiĝa franca monatgazeto, kiun mi legas en la franca traduko, nomas Fidel Castro-n "nekorektebla revulo". Kaj al tio Castro respondas: "Ne, aŭ tiam mi estas revulo, kiu havis la privilegion vidi realiĝi, kion aspiri li eĉ ne kapablis revi."

Castro do estas granda feliĉulo, ĉar li viva povis vidi sian revon realiĝi: liberigo de Kubo elsub la jugo de la despoto Batista kaj fari nelonge poste la landon, kie ekzemple kuracado kaj edukado estas senpagaj. Kion ĝis nun li povis atingi eĉ neniu el la plej progresintaj landoj kapitalistaj inkluzive Usonon atingis.

Ankaŭ mi do estas "nekorektebla revulo". Mi ne scias, ĉu ĝi realiĝos almenaŭ dum mi ankoraŭ vivas, sed mi estas ankaŭ optimisto tiurilate.

En Japanio mi ĝuas certan reputacion kiel profesia tradukisto de la ĉeĥa literaturo. Tio signifas, ke en Japanio la ĉeĥa literaturo ĝuas multe pli da prestiĝo ol Esp-o, kvankam mi havas multe pli longan karieron kiel esp-isto ol profesia tradukisto de la ĉeĥa literaturo, ĉar mi estas esp-isto jam ekde 1930, dum mi estas tradukisto de la ĉeĥa literatuto nur ekde 1952.

Aliaj signoj, ke ankaŭ mi estas "nekorektebla revulo": mi revas eĉ, ke kiam mia aŭtobiografio estos feliĉe angligita kaj tio elvokos grandan eĥon en Japanio eĉ ebleco, ke ĝia japana versio estos felietone publikigita en prestiĝa taggazeto japana, ĉar TAKASUGI Itirô, bone konata verkisto kaj tradukisto, kies ĉefverko "En ombro de la norda lumo", viva kroniko de liaj travivaĵoj kiel militkaptito, devigita maljuste sklavlabori en frostega Siberio. Ĝi jam fariĝis klasikaĵo de la japana literaturo, ĉar ĝi eniris la prestiĝan Iwanami-Libretaro, siatempe prikomentis miajn esp-ajn eseojn, ke ili estas kvazaŭ felietonaĵoj. Lia prijuĝo devas esti fidinda, ĉar antaŭmilite li estis elstara kaj kompetenta redaktoro de prestiĝa monatrevuo literatura "Bungei (Literatura arto)". Li estas fervora esp-isto kaj i.a. kompiltradukis 3-voluman verkaron de Vasilj Eroŝenko, ukrain-rusa esp-poeto blinda.

Mi do pacience atendos kiel fidela disĉiplo de Zamenhof, "ĝis mia bela sonĝo efektiviĝos".

## Legi

**Afero de espero**, Konciza historio de la Esperanto-movado en Afriko, Heidi Goes, 86 paĝoj, UEA 2007, 9 €.

En kvar ĉapitroj vi (preskaŭ) ĉion scios pri Esperanto en Afriko. "La unuaj paŝoj", kiam la unuaj esperantistoj en la kontinento estis blankuloj/koloniantoj, "Evoluo inter 1960 kaj 1980", kun i.a. la fama Karavano de Amikeco de Tibor Sekejl, "Evoluo de la movado ekde 1980" kaj "La afrikaj kongresoj". Bedaŭrinde la "historio" haltas en 1999 kaj ni sentas ian mankon, ĉar en pluraj afrikaj landoj sufiĉe rapide evoluas kaj la vivkondiĉoj kaj konsekvence la E-o-movado.

**Neokazinta amo**, novelaro de Lena Karpunina, 149 paĝoj, FEL 2007.

Multaj el tiuj noveloj ricevis premion ĉe Belartaj Konkursoj, kaj do vi eble legis ilin en iu Fonto.

Ni (re)trovas en tiu ĉi novelaro la rektan, simplan stilon de Lena Karpunina. Ni vojaĝas en pluraj landoj, Polio, Rusio, Germanio, Egiptio. Jen la tenera *Neokazinta amo* dum granda Esperanto-renkontiĝo, jen *La revo pri cirko*, kie Liza ekzerciĝas por plibonigi siajn "spagatojn" (atentu, ne temas pri pastaĵoj!). *La Siberia parencaro*, la plej longa novelo, 30-paĝa, prezentas al ni aĉan patrinon, kaj onklon kiu duonkaŝe aŭskultas la kantiston Vladimir Visockij: "*La kantanta voĉo estis suka, forta, raŭka... La vortoj tuŝis la animon.*" diras, tute trafe, la nevino, kiu unuafoje aŭdas la grandan artiston. Cetere se vi neniam aŭdis tiun kantiston, tuj iru aĉeti diskon de li kaj vi neniam plu forgesos lian fortan personecon!



Kaj ankaŭ, en 1-paĝa novelo, *La feliĉo*, la aŭtoro sukcesas montri la hororojn de milito: "*Tiutempe estis neniu milito en nia lando. Tio signifis, ke ni ĉiuj estis feliĉaj.*" Entute 15 noveloj, do, estu vi feliĉaj kun la noveloj de Lena Karpunina

**Eklipsas**, poemaro de Jorge Camacho, 115 paĝoj, Bero 2007, 9,90 €.

Poemoj verkitaj en 2005 kaj 2006, grandparte en Japanio kaj Tajvano. Do ne mirinde se la aŭtoro esprimas sin 40 fojoj per tankaoj kaj 8 fojoj per hajkoj. Mi aparte ŝatis la humuron de **Postebrio**: *Se vi kundrinkos – bieron kaj sakeon – kaj ruĝan vinon - ne miru ke vi startis – enkape lavmaŝinon.* Kaj ankaŭ la ribelan **Heroeco**: *Pasie, longe – kaj ĝis la fin' rezisti: - morti kingkonge.*

Sed nekontesteble Camacho eminentas, kiam li denuncas la krimojn de nia mondo. Ĉi tie pri Hiroŝimo kaj Nagasako jen la kurta (tri tankaoj) **Datrevene:** *Jam sesdek jaroj – pasis de l' granda krimo, - kiam Usono – kovarde kaj barbare – cindrigis Hiroŝimon.* Kaj jen la longa **Datreveno** kun superba fino: *Ni devas iri jam. Sed ni revenos – al ĝi, al Hiroŝim' aŭ Nagasako, - en alia maten' egale suna – kiel hodiaŭ, februarofine, - aŭ kiel tiam, en aŭgust' infera. – Ĉu krom printempon tamen ni esperu – je apenaŭ verŝajna primaver'?*

(kvara parto)

# Basyô
(1644-1694)

eljapanigis ***Gennadij Turkov***

## *AŬTUNO*

***

**"Aŭtun' alvenis!"** —
kaploken ĉe l'orelon
ekgastis vento.

***

**Aŭtunkomenco**.
Mi faldis moskit-reton —
jen litkovrilo!

***

**Frostiĝis** plandoj,
apogitaj al vando
dum tagdormeto.

***

Sur step' rongitan
skeleton **enblovas vent'**
en mian koron!

***

Eĉ en varma font'
haŭto eble eksentos
vespere **fridon**!

***

Tiela vojo:
aldone al homsenec'
**vesper' aŭtuna**.

***

Tuj tute rompis
**aŭtunnoktan** enuon
amikparolo!

***

Ŝtormo sur maro!
Sed ĝis insulo Sado
estas **Lakta Voj'**.

***

Ĉi tiu nubo
diras per sia aspekt':
atendu **fulmon**!

***

*Unu el famaj monahoj diris jene: "Nematura Zeno estas fonto de gravaj vundoj". En mia animo bone fiksiĝis ĉi tiu penso*

Homo, en **fulmo**
ne vidanta vivsencon,
envere grandas!

***

Eĉ ankaŭ apron
kun ceteron flugigas
**aŭtuna vento**!

***

*Antaŭ la tombo de la poeto Issjo*

Ektremu, tumul'!
Aldone al mia plor' —
**aŭtuna vento**.

***

Kvankam blovas jam
**aŭtuna vento** — verdas
ŝelo de kaŝtan'.

***

Vorteton diru —
tuj la lipoj frostiĝos!
**Aŭtuna vento**.

***

Tranoktu sub ĉiel'!
Sencon de miaj hajkoj
klarigos **aŭtunvent'**.

***

Ĉirkaŭ stavo mi,
admirante **plenlunon**,
iris tutnokte!

***

Kelkfoje nuboj
ebligas ripozeti
dum **lunĝuado**.

***

Kampula filo
senŝeligante rizon
**admiras lunon**.

***

Rizdonacintajn
amikojn mi invitis
gastoj al **luno**!

***

**Luno** montrile
alvenigas ĉi tien. —
Vojaĝnoktejo.

***

Jam **kuras luno**,
sed branĉpintoj ankoraŭ
tenas pluverojn.

***

Lumo del **luno**!
Por ĉiuj temploj, sektoj
vi unuecas!

***

Ĉu nuran **lunon**?
Ni ankaŭ sumoistojn
pro pluv' ne spektis!

***

Kaj ĉe elfluo,
kaj ĉe delto — amikas
oni kun **luno**!

***

Nokte, ŝtelece,
raŭpo **lun**prilumitan
kaŝtanon boras.

***

**Roseroj** gut... gut...
Ĉu provu mi per ili
prilavi l'mondon!

***

*Sur la bordo de la golfo Futami, kie loĝis Saigyô*

Ĉu mi eltrovis
lian tuĉujon? — **Roso**
en ŝtonkaveto.

***

Pro pluv', **nebulo**
mont' Fuĵi nevideblas. —
Vidaĵo strangas!

***

*Fasketo de grizaj haroj de la mortinta patrino*

Se preni per man' —
degelos pro larm-ardo!
**Aŭtuna prujno**.

***

Oldul-dresisto
vestaĵon del simio —
per **lav-batilo**!

*Ankaŭ en la originalo mankas vorto "batas"*

***

Ne sentos vintron
ĉi hejmo! — **Rizo** hajle
**senŝeligatas**!

***

"Por falk-okuloj
nun jam tro mallumiĝis!" —
ĝojas **koturnoj**.

***

**Paser'** pelate
for de **riz-kamp'**, kaŝas sin
en te-arbustar'.

***

Ĉu sunon kovris
nubo? Ne, por nelonge
**migrantaj birdoj**.

***

*En templo mi ekvidis relikvon — la helmon de la fama militisto Sanemori*

Kompatindaĵo!
Sub helmo de bravulo —
hejmo de **grilo**.

***

Grizajn haretojn
plukante, mi aŭskultas
**grilon** kaploke.

***

Alrampis liten
kaj ĉirpon al ronkado
almiksas **grilo**.

***

Ankaŭ subpluva
hom' altiras atenton,
ne nur **lespedez'**!

***

Ne verŝfaligas
roserojn branĉ-fleksiĝoj
de **lespedezo**!

***

"Ĉu falis roser'
de **krizantem'**?" — mi tuŝis. —
Germo de batat'!

***

(daŭrigota)

# Fra Gaeta

**Pere de revspegulo**

glitad' en revon taŭgas por feblulo
tamen ĝi estas ago de l' naturo
kiu konsentas eblon ĝis ludturo
por sin ekvidi estante malnulo
nu en ĉi viv' min sentas mi novulo
kvazaŭ la senmemora uverturo
antaŭ la ĉefa verko laŭ strukturo
elektendota nur per revspegulo

\- * -

**Maljuniĝinte**

kiel rivera akvo vortoj venu
la verva voĉo velure havenu
gajaj junuloj senpripense ludas
dum aliaj fidante fakojn studas
min amikeca sento plu influas
ĝis vivo daŭras sango varme fluas
sed se amoron mi klare aludos
la aŭskultantaj oreloj elprudos

\- * -

**Bonan matenon**

bonan matenon mi al mi deziras
kaj en la ĝardeneton pantofliras
provas plukadi por mia palato
de l' fruktoj la bongustan panaceon
poste retrovas preparademfazon
de promesplena tomata salato
aldone timianon ŝenoprazon
dispecigitajn kaj olivoleon

\- * -

**La fundan veron**

mi ne sufiĉe lernis ke la vero
fojfoje ne direblas sen detrui
sistemon amecsente konstruitan
tamen la fundan veron nepras diri
eĉ envolvitan per softeŭfemismo
ke ĝin malkovru la scivolemulo
renaskiĝonta el la propraj cindroj
ĉar vivo super ĉio ame daŭras

\- * -

**Dum pariza libertempo**

jen laŭdinda krajona portretisto
en la pariza kvartalo montmartro
li tra l' aziaj migdalformokuloj
trafis tiele bele kaj precize
la vizaĝojn de petro kaj eliza
ke nun en mia menso tia bildo
ridete kaj plej vere ŝvebas hele
kiel modelo de l' geedza paro

\- * -

**Por Gizela**

*takinulin' mi estas petolulo
kiu sur vin eksaltus kiel pulo
vin pikante tujtuj ĉe l' lipaj nudoj
pro la silentaj erotik-aludoj
ludantaj en la fono de l' okuloj
sub la influo de rukulpostuloj
se nun mi ne trafitus de saĝumo
kaj vi de familia amindumo

\- * -

**Gizelin'**

mi ŝatos rondabrake vin kaĵoli
ĝis vi komencos diri eajn vortojn
tiam ni povos kune karakoli
kaj amakcepti la esperajn sortojn
tamen iel mi estas celpigrulo
preferante pluvivi brustalsune
dum nun kvazaŭe nova somnambulo
maltaŭge verkas kaj maloportune

\- * -

**Gizel'**

vi estas amikino speciala
pro via ekvilibro plej normala
kun vi mi povus dormi sen komplekso
malestiĝus problemo pri la sekso
ni provus vorte skermi ĝis spirmanko
neniam nin perfidus eĉ sur flanko
via animo grandas kiel maro
ĉe vi mi home 'stas en solidaro

\- * -

**Ĉu iam al Gizeh'**

vid-al-vide vivantaj sen problemo
vi kaj mi kune iĝis teoremo
laŭiperbole eĉ ne difektebla
ĝi dors-al-dorse estus maltenebla
post ĉio kio povos sin produkti
se sole ni restados sen enlukti
ĉu nin forprenos nova ĉarma ludo
por la apoteozo ja preludo

\- * -

**Gizela ĝis**

per klaraj vortoj daŭras amikeco
per helpaj agoj ĝi pli fortikiĝas
la e-instru-ofer' estas patreco
al tiu sento plu vi konformiĝas
ĉu karaktere estas vi la ino
dum konstante vagadas ĉi revulo
restu vi kore la takinulino
kaj mi por vi la kara petolulo

\- * -

* takini = ŝerce, amuze inciteti

(Japana E.isto TZUKURU estas skajpe "Faro Takinas" en Karesemio-Skribkonferenco). Aliaj diverslandaj E-istoj adoptis tiun vorton.

**El kirlo en vorticon**

mi maljunulo
junulentuziasme
korka insulo
el kirlo en vorticon
eniras novan vicon
de anemonoj
ĉurantaj plenorgasme
al maldemonoj

\- * -

**Epoka memoraĵo**

ĝi sole staras
betone dika bunkro
sur markrutaĵo
delonge malarmita
neniam celservinta
nun memoraĵo
ŝirmej' por nova junkro
dum revon faras

\- * -

**Surpriza atako**

estis ĉi-nokte
dum en sonĝo respondis
mi demandinton
jen min dorsen per klabo
pli rapide ol knabo
frapis ventulo
tra malhoma blekego
ek mi vekiĝis

\- * -

**Balaste sed ne bombaste**

sen konsideri
ke en mi mem mergita
eblas fieri
mi bedaŭras konstati
fizike malbonstati
je la vekiĝo
pro ĉi korpo ŝarĝita
sonĝ' al seniĝo

\- * -

**Esper' je sano**

ĉu pro la febro
jen lumo en tenebro
kaj en atendo
mi glitas laŭ ascendo
al bel' esper' je sano
viglec-hosano
invadas min fervore
al viv' tutkore

# Vizaĝoj de Verakruco

*Peter Browne*

### Ĉapitro 3 –Paso-Del-Maĉo

#### 1 Somero (1986)

Tiusomere en Paso-Del-Maĉo iu speco de bufo – enloĝanto de multaj kanaloj kaj similaj apartaj akvejoj – ade kantis nekredeble laŭte, konstante sonigas sian voĉon tra la anguloj de la urbaĉo.

Sur banĉambra muro en la domo de Majlo mi trovis etan arboranon. Temis pri vera juvelo, kies haŭto bekis verdnuance. Tiu tropika juvelo havis malgrandecon de homa poleksoungo.

En la rando de Paso-Del-Maĉo, la tero estas marĉa kaj iom fetora. Tie en malnova jam ruiniĝintaj konstruaĵoj el marbela grizeca briko, filinoj de ĝojo vendas siajn pretermemorajn varojn, prefere al la plej belaspektaj kaj monhavaj maskloj. Tiuj vendistoj estas ja bone vestitaj – eĉ tre elegante kaj mode – sed ĉion ĉi ili facilmove kaj facilanime demetas je la vendo.

#### 2 La Kabaneto de Doña Blanka (1991)

La kabaneto de Doña Blanka estis plezure kaverna, kiel ermitejo aŭ utero. Plaĉas al mi ripozi sur mia mallarĝa angula lito kaj kontempli la pasadon de la horoj kaj de la vivo ĉirkaŭe.

Tute proksime al mia lito pendis sur sia olda fadeno la mumio de granda araneo. Ja, araneo delonge mortinta, tamen konservinta siajn trajtojn: ĝi estis eta monstro el kosmo mergita en alimondan malhelon, kaj ĝi daŭre rigardis min per enormaj, malicaj, senvivaj okulaĉoj. Tiu spacestaĵo ŝajne pendis tie de longa tempo, kaj neniu forigis ĝin ĝis mi laciĝis pri ĝi kaj petis ke infano ĝin forportu. La ĉeesto de tiu besteto pensigis min pri la gigantaj monstraj skulptaĵoj piede de la kolonoj de la katedralo de *Santiago de Compostela*: belo kaj malbelo, mikrokosmo kaj makrokosmo... Kiel tiu katedralo, la kabaneto de Doña Blanka enhavis la tutan spektron de l' kreitaĵo, la gamon ampleksantan kaj tiun etan mortintan monstron kaj la gracian movadon kaj belegan voĉadon de María Eugenia. Iom-postiome pasis la taga ludado de lumo kaj mallumo, la miljara ritmo de tiu fora kaj kaŝita mondeto.

En la proksima korteto la infanoj babiladis kaj zumkantis animkaptajn tradiciajn meksikiajn melodiojn kun surpriza nivelo de perfekteco. Kuŝe mi legadis la verkojn de Dostojevski kaj Malcolm Lowry. Temp-al-tempe venis junulino aŭ grupo de junulinoj, sidis rande de mia lito kaj pridiskutis la relativan allogecon de miaj verdaj okuloj aŭ de la har-kovritaj brakoj... Mi konfesas ke tiaj frivolaĵoj ege plaĉis al mi. Ĉu eble ili same plaĉus al Dostojevski aŭ Malcolm Lowry?

María Eugenia purigadis la teran plankon per aspergata akvo kaj balailo; fine ĝi ŝajne briletis. Estis persista la odoro de la tero, de tero putra kaj fekunda; post tiu purigado la odoro estis speciale forta. Mi ne povas prijuĝi tiun odoron plaĉa nek malplaĉa: ĝi simple estas kaj persistas.

#### 3 Patrineca Doña Blanka (1991)

La tago komenciĝis tre frue en tiu familio, kaj kun ĝi la *tortilla*-entrepreno. Ofte je la kvina ĉiuj komencis vekiĝi kaj sin vesti. Je la sesa ĉiu knabino jam ekis al la respektiva tasko. Albina, Rocio, kaj la pli malgrandaj ekiris al la muelejo kun siteloj plenigitaj de maizo. María Eugenia aranĝis fajron, preparis kafon kaj matenmanĝon por la gepatroj. Dume densiĝis vibrada, trapenetra kok-kriado, kiu poste malpliiĝis dum tagiĝis.

Doña Blanka, 45-jara, jam sentis sin iom triviĝinta. Multajn longajn jarojn ŝi jam dediĉis al nasko kaj edukado de la idoj, kaj ŝi estas laca. Laca kaj iom dolĉamare plenda, sed ne kolera je la sorto. Kvankam ŝi tre supozeble havis iom da blankhaŭtula sango, ŝiaj ĉefaj trajtoj estis tiuj de indianino. Malaltstatura – eĉ pli ol la filinoj, ŝi havis altajn kaj elstarajn zigomojn karakterizajn por la originaj loĝantoj de Ameriko, kaj malgrandajn, nigrecajn tamen viglegajn kaj esprimoplenajn okulojn.

#### 4 Miguel, Aŭtomobila Mekanikisto (1991)

Miguel estis aŭtomobila mekanikisto, kaj ŝajne tre bona; Majlo ofte konsultis lian opinion pri mekanikaj problemoj de sia aŭto. Miguel laboris longajn horojn ĉe aŭtoriparejo; per tio li gajnadis nur sufiĉe por vivteni sin kaj parte sian familion. Aldone la edzino kaj filinoj devis fabriki multe da *tortillas*, ankaŭ dum multe da horoj ĉiutage. Ĝis nun Miguel ne povas gajni sufiĉe por aĉeti al si aŭtomobilon, almenaŭ malbonan, do liaj multaj scioj tiurilataj nur povas servi al aliuloj.

Dum siaj pli junaj jaroj Miguel suferadis pro "minuskomplekso", ĉar li nenion povis elscii pri sia patro. Malgraŭ daŭra insisto de la filo, la patrino ne volis eldiri eĉ vorton pri ties identeco; laŭŝajne ili estis jam delonge malpace disiĝintaj. Finfine tamen Miguel eksciis ion pri la patro el aliaj fontoj, kaj faris al li viziton. La patro, Don Patricio, estis prospera terposedanto, patriarko de pluraj kromvirinoj, kaj politika figuro fakte bone konata en la regiono. Ekde tiu malkovro kaj renkonto, Miguel ekposedis memestimon, kaj ĉesis elspezi la familian havaĵon por drinkado. Miguel estis kompreninta ke li estas **iu**, kaj en Meksikio tio signifas ke oni rajtas vivi digne, fakte ke tion postulas la vivo mem, ĉar nepras vivi akorde kun la die starigita ordo de l' mondo. -

## 5 En la Sino de Tropiko Praa (1988)

Doña Blanka kaj María Eugenia longe parolis pri aferoj proksimaj al la tero – pri tiuj kuriozaj manĝeblaj flugilhavaj formikoj kaj ties amasaj transmigroj tra savano kaj arbaro, kaj pri tiuj strangaj bufoj vivantaj ĉie en la apartaj akvejoj de la urbo kiuj tiom akre kaj laŭte sonigas siajn voĉojn similajn al polica sireno... kaj kies karno estas tiom mortige venena...

En la domo de Doña Blanka ĉio okazis normale... Oni faradis *tortillas*, kantadis, interŝanĝis ŝercojn. María Eugenia aĝis deksep jarojn kaj estis ege bela junulino, kvazaŭ iu rava tropika ekfloro. Ŝiaj noktonigraj okuloj disradiis vibran lumon, dum ŝiaj ridoj trapenetris ĉion kiel sonoj de arĝenta sonorileto. Ni manĝis frititajn flugil-havajn formikojn envolvitajn en tiujn gustoplenajn hejmfaritajn *tortillas*, kune kun la plej riĉgusta ajla supo. Estis vera plezuro babili kaj ludi kun la knabinoj dum la longa dormema tropika somera vespero. La horoj forpasis tiom malurĝe... Ni tranoktis tie; dum la lantaj nokto-horoj daŭre kaj korbate eksonigis siajn praajn voĉojn kaj bufoj kaj azenoj; iu aŭ alia birdo ellasis sian vibran triladon. Estis tiom da vivo ĉirkaŭe, profundpulse sub la vasta mantelo de la nokto. Tiunokte mi ekkonsciis, ke tute nepris reveno al tiu humila kabano; mi konstatis, ke temis pri grava punkto en mia spirita geografio. Dum du longaj jaroj min turmentados tiu sopiro, ĝis la reveno fariĝos neevitebla.

Post la mallonga restado en Paso-Del-Maĉo triva aŭtobuso kondukis min ree tra ravinoj kaj eksplodaj arbospacoj al *El Paraíso*, kaj post tio la montara vojo kondukis nin reen en MeksikUrbon kaj al la longaj ŝoseoj de la Nordo.

## 6 La Kaŝita Rivero (1991)

Eblis fojfoje eliri el la kabaneto por esplori la urbetaĉon kaj ĝian ĉirkaŭaĵon. Plejofte akompanis min eta ok-jara knabino. Ŝi ŝercnomiĝis *La Pescadito* (La Fiŝeto), eble pro sia granda, ronda kapo kun grandaj nigraj okuloj, kaj pro ŝia emo naĝi en la rivero. Ni iradis man-en-mane tra la ĝibohavaj stratoj ĝis vendejeto aŭ infana ludejo.

Tiu bruna, beleta etulino fariĝis mia plej ŝatata kunulino. Ŝi ŝatis dormeti sur mia *pancita* (kara dikventro), laŭ ŝi "la plej bela kuseneto" por ŝia *cabecita* (kapeto).

Por multaj en la familio la plej bela aventura ekskurso estis aliro al la rivero apudurba. Tien la vilaĝaj virinoj iras are por lavi vestaĵojn kiujn ili surkape alportas en grandegaj sakoj je distanco proksimume ¾ de kilometro. Rande de l' rivero estas krutega, rokoza deklivo alta je multaj metroj: unue unu el la najbaraj virinoj devis gvidi miajn paŝojn super tiu tereno permane. Tio estis kvazaŭ profunda ravino kaj pro malreguleco de l' deklivo, de la rando ne eblas fakte vidi la riveron mem, sed nur iom de la malsupra krutaĵo kaj la supron de la kontraŭa flanko. Al la virinoj ŝajne tute ne estis malfacila la permana malsuprenigo de la pezaj vestaĵ-sakoj tiuvoje, nek estis problemo ĉe la suprenigo de la vestaĵoj fariĝintaj pro malseko eĉ pli pezaj. Tamen, laŭdire, multloke al rivera ravino estas tro abrupta, aŭ tro sovaĝa por grimpado.

La altaj, akraj krutaĵoj troviĝas ambaŭflanke de la rivero. Sidante sur ŝtono meze de la larĝa fluejo, kun la piedoj kaj kruroj tute mergitaj en la rapidajn akvojn, mi kontemplas vidaĵojn vere imponajn. La rivero serpentumas for inter la egaj krutaĵoj, kiuj malgraŭ sia vertikalo multloke kovratas de abundaj tropikaj kreskaĵoj, inter ili eĉ palmoj kun lukse pendanta branĉaro. La mondo super tiuj krutaĵoj ankaŭ tute ne videblas; mi troviĝas kvazaŭ en ia prahistoria tunelo.

La virinoj purigas la vestaĵojn per la plej primitiva metodo de permana kaj perŝtona frotlavado. Dume oni laŭvice lavas sin mem kaj la infanoj naĝetas; la plej bona naĝanto estas nature *La Pescadito*. Tie en la profunda rivera fluejo mi eksentas kvazaŭ ekstazigan korbaton de iu izola pramondo. La sceno estas lumjaro for de nia mondo de komputilfrenezo kaj aĉa konkurenco... Mi ne imagas la scenejon tre malsama kvincent jarojn antaŭe, dum la epoko de la hispana konkerado. Tie-ĉi tutcerte regas la profundega, trapenetra beleco de Meksikio kiu fajrigis la menson de Malcolm Lowy kaj D.H. Lawrence.

## 7 Trans la Rivero (1991)

Post nelonge miaj okuloj kaj piedoj alkutimiĝis al la ŝirita krutaĵa pasejo; mi ne plu bezonis fortikan vilaĝan virinon por permane gvidi miajn paŝojn. En tiu dua vizito al la rivero mi supreniris la vertikalan padon tutsola. Komenciĝis krepuski. De tie, ĝuste sur la alta ravina rando inter la densitaj ombroj kaj alta suka herbaro, la panoramo kiu sin etendis antaŭ mia vido estis pretermemore kaj animsorĉe bela.

Preter la ravino streĉa linio de foraj montaroj, klare videbla tra la kristala aero, alprenis profundajn nuancojn de bluo kaj purpuro super multkilometra, vasta onda smerald-kolora herbomaro. Ie malproksime iu nigra pavimita vojo forserpentis inter la antaŭmontoj ĝis perdiĝi je grandega foreco.

Trans la kaŝita rivero, aliflanke de la ravino, nanaj pro la distanco, sed tamen klarege videblaj, indianaj viro kaj virino, ambaŭ kun maĉeto enmane, grimpis la deklivon per lantaj singardaj paŝoj, travagante la krutan altkreskan herbejon sub la grandaj mangoarboj, riĉaj je pendantaj folioj kaj grandaj rondaj fruktoj. Dum vespera brizo ondtremetigis la altan herbaron tute ĉirkaŭe, mi fervore dankis al la antikvaj dioj de la tero esti spektanto de tiu praa beleco, de tiu kristala vasteco.

## 8 La Infanoj

Dum multaj jaroj Doña Blanka kaj Migel –precipe Migel– klopodis naski masklan idon. Sed nur naskiĝis la tuta vico da knabinoj, de María Eugenia ĝis *La Pescadito*. Fine tamen, antaŭ sep jaroj, venis al la mondo Migelito. Post tiu friponeto, kies naskiĝo estis fonto de la plej granda ĝojo por la patro, venis al la mondo neniu infano. En la jaro 1988, la sepjara knabeto ege impresis min pro sia lingvoscio. Jes, tiu etulo jam ŝajne regis la tutan komplekson de la hispanlingva gramatiko. Antaŭlernejaĝa, li multe pli bone

regis la subjunktivon ol multege da usonaj angla-lingvaj studentoj de la hispana post kvin jaroj da studado en la universitato.

**9 La Filinoj de Doña Blanka (1991)**

María Eugenia, dudek-jara, estis laŭ propra konstato (kaj laŭ tiu de multaj aliaj): *muy bella* (tre bela). Ŝi estis mezstatura, svelta kaj gracila, kaj ŝiaj korpo kaj vizaĝo estis bele proporciitaj. La vizaĝtrajtoj estis iomete pli hispanaj ol indiĝenaj. María Eugenia havis longan ĝiszone falantan hararon, kaj plaĉan, brunan haŭton. Ŝiaj grandaj nigraj okuloj disradiis lumon, kaj ŝia rideto estis dolĉa. "Mari" (kiel oni kutime alvokis ŝin) ege ŝatis kanti kaj danci, kaj de ĉi-lasta ŝi vere estis lerta. Ŝiaj moviĝoj ĉiam plenis je graciemo. Mari estis ankaŭ spertulino pri farado de *tortillas*. Milda, bonkora, religiema, ŝi dediĉis multe da tempo al preskaŭ senpaga medikamenta helpo al la komunumo, per injektoj kontraŭ malsano, unuaj rimedoj, ktp.

Albina, deksep-jara, ne tre similis al sia pli aĝa fratino, krom je staturo. Iom klaŭneca kaj flirtema, ŝi kontrastis personece kun la dolĉeco kaj seriozeco de María. Aldone ŝi havis avidon kaj ambicion tipan al duanaskito. Jam de kelkaj jaroj ŝi laboris profesie kiel helpantino al dentisto, interesiĝis pri eksterhejma kariero. Kvankam ne tiom bela kiom la fratino, ŝi estis fakte belaspekta knabino laŭ propra maniero. (Iufoje mi sugestis ke Mari estas pli bela, kaj tiam Albina furiozege kaj kolerege kriis al mi kaj diris ke mi estas ege malĝentila homo). Pro heleco de haŭto, hararo kaj okuloj, oni kromnomis tiun mian amikinon *la güerita* (la blondulineto). Fakte iu *güerita* estis interesa rasa kombinaĵo, ĉar malgraŭ preskaŭ eŭropa beleco, la vizaĝ-trajtoj evidentigis la spurojn de indiĝena Ameriko.

La plej orgojla membro de la familio estis Rosio, *La Morenita* (brunhaŭtulo). Dekses-jara, *La Morenita* – vere bela knabino kun iom nigrulina vizaĝo – tre fieris pri siaj poeziaj konoj kaj kapabloj, laŭ mia konstato grandparte realaj. Tre bele elruliĝis de sia lango la nomo Octavio Paz. Ŝia propra poezio ne similis al tiu de la granda erudicia meksikia poeto, sed ĝi estis bona por knabino de tiu aĝo. Ĉiuokaze *La Morenita* deklamis siajn versaĵojn kun sufiĉe da drameco kaj ne malmulte da fiero. Sed pro ia kialo Rosio ekmalŝatis min, tre eble pro miaj potenciale konkurencaj pretendoj je literatureco. Iufoje ŝi improvize komponis longan poemon en kiu ŝi atakis min kiel senefikan intelektulon.

**10 Albina Koleris**

Post nelonge la pugno de Albina – fiere fidela, kiel nur povas esti tropika ino meksikia – rapidmove frapis la okulon de tiu deklamantino. Tiu okulo restis nigrigita dum multaj tagoj. Pro tio estis ĝenita Doña Blanka, ĉar estis ĝuste la sezono por fari familiajn fotojn. Tamen malgraŭ ĉio, oni bone konsciis ke estis sufiĉe maloportune tro militadi sub tia malgranda tegmento...

**11 La Kaprineto (1991)**

La kaprineto – naŭ-jara – estis la plej fripona el la infanoj. Ŝi ofte kaŝis miajn aĵojn, tiris miajn harojn. Ŝia personeco – foje akre maldolĉa, mokema – estis preskaŭ la malo de tiu de *La Pescadito*. Ŝiaj vizaĝtrajtoj – magraj, mallarĝaj kaj fajnaj, efektive sugestis tiujn de kapro. La rideto sur ŝia malgranda buŝo estis oftege pri-moka kaj la esprimo de ŝiaj malgrandaj nigraj okuloj estis nature malica.

**12 Musoj kaj Hundoj (1991)**

Ankaŭ en la kabaneto estis kelkfoje nebonvenaj loĝantoj. Musoj faris al si neston en truoj de la planko kaj muroj. Doña Blanka ne tre ŝatis tiujn bestetojn kaj instigis la filinojn ilin mortigi. Tiu malŝato fundamentiĝis ne nur en tio, ke tiuj neinvititaj gastetoj formanĝas grenon kaj aliaĵojn, kaj ne en tio ke ili potenciale alportas malpuron kaj malsanon, sed en tio ke ili havas ege malagrablajn voĉetojn. *"Hay que matar a los ratones,"* ŝi substrekis plurfoje, *"porque chillan tan feo como una pinche viejecita mamona."* (Oni devas mortigi la musojn ĉar ili elkrias tiel malbele kiel fiaĉa maljunulino.) Rosio havis specialan talenton por kapti kaj mortigi tiujn enpenetremajn musojn.

Iun vesperon Doña Blanka, María Eugenia, Albina kaj mi promenis tra Paso-Del-Maĉo. María Eugenia devis konsulti *curandera*-n (popularan folkloran kuracistinon) ĉar ŝi estis falinta de seĝo kaj farinta al si damaĝon ĉe la dorso kaj kokso. La *curandera* priflegis ŝin en sia vasta primitiva kabano. Dume Albina alvokis min desur arbobranĉo: *"Come here baby!"* – (Venu ĉi tien, karuleto!). La angla-lingvaĵo, unu el ŝiaj malmultaj, pri kiuj ŝi ege fieris kaj kiun ŝi prononcis fakte senerare.

"Tuj mi venas"
"Ĉu vi vidas tiujn du hundojn?"
"Jes, mi vidas."
"Ili manĝas gringojn."
"Mi ja timas."
"Ne timu: ĉiuokaze ili ne manĝas meksikiajn fraŭlinojn kaj ankaŭ ili ne manĝas gringojn akompanatajn de meksikiaj fraŭlinoj. Ĉiel sur la arbobranĉo vi estos ekster la atingo de tiuj hundaĉoj."

La hundoj ne aspektis tre agresemaj kaj la arbobranĉo estis malpli ol metro de la grundnivelo.

(daŭrigota)



# Perantoj

| | | |
|---|---|---|
| ARGENTINO 18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO 22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO 22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO 22 € | David Kelso, 5 Craigenhill Road, Carluke, ML8 4QT |
| ĈEĤIO 14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO 22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO 22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven Wiclefstr.9, D-10551 Berlin Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO (Eŭskio) | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa 20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio) 21 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008 08200 Sabadell |
| HUNGARIO 14 € | Besenyei Anna, Szerémi út 21 IV 20, HU-1117 Budapest |
| ITALIO 22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO 22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO 33,2 CAD | Yves Bellefeuille. 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO 14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 14 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 14 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO 14 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca, Str. Vlahuţă 7/6 |
| RUSLANDO 14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 SE-242 35 Hörby |
| USONO 27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129, EL CERRITO, Cal. 94530 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

## La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneţ. | 4,40 € |

## La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

## La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |

## Speciala numero

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

## Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

"**Blazonoj**" estas elĉerpita; eblas gin ricevi rekte de Serge Sire (sen rabato): 85 imp. des Fées, F-74330 Sillingy

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD**: **Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

## Libroj (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

Radmalido (tiel li nomiĝis) laboregis...

dum tagoj





dum noktoj

**Kaj jen naskiĝis**

**la kvar-prarada praĉarego**




Al sufiĉe monotona ripeto de situacioj...

Radmalido (tiel li nomiĝis) kapablis alporti novajn respondojn.




Sed ve ! ve ! ve ! Trifoje ve !

La ĉefo sin montris ne nur tro batalema kaj tro posedema, sed plie, tro rapida...

Ve ! Ve ! Ve ! Trifoje ve !

La teknikaj progresoj ne malaperigis la dolorigan rutinon !

Ve ! Ve ! Ve !

Sed ĉu trive eluziĝos la kreemon de Radmalido (ĉar tiel li nomiĝis) ?



kaj jen naskiĝis

# LA RADO

Radmalido (nun ni scias ke tiel li nomiĝas) relaboregis



dum noktoj



dum tagoj



Per rado irado parados

Kontraŭ la fik-rivala kolero efikos rivolua ĉar-ero

Do el rado nun Eldorado !




Ĉu fine cerbo superos muskolojn ?



sed Ve, ve, ve ! (trifoje Ve !) La ĉefo montras superadon super rado !



Plu gurdas la admono... (ĉu mi risku:"plu radotas")[1]




Radmalido (laŭ tiu nomo oni memoras pri li) naskis la unan radon de la historio, sed rezignis naski ion ajn pli.

Bezonis du mil jaroj pliaj, kaj tri pliaj geniuloj por eltrovi la tri aliajn rivoluajn radojn, necesaj al moderna ĉarego...




1) Noto: el la franca "Radoter" = gurdi...


La KancerKliniko n° 123 juil-août-sept 2007
Directeur Jacques Le Puil 18210 Thaumiers France
Imprimé par nos soins.